VIIIa jaro. No 130 ★ Duonmonata ★ 20 Septembro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# LA AGADO DE U. E. A.

**Parolado de S-ro H. Hodler, direktoro de U. E. A., ĉe ĝia tria kongreso en Krakovo.**

Karaj Samideanoj,

Jam la trian jaron, U. E. A., kunvenas en sia aparta kongreso, sed specialan gravecon posedas nia nunjara manifestado, ĉar ĝi koincidas kun la jubilea kongreso de Esperanto. Tiun kongreson ni kun ĝojo ĉeestas je mallonga distanco de la granda lando, kiu vidis la malfacilan naskiĝon de Esperanto, kiu ne nur helpis ĝiajn unuajn paŝojn, liveris al ni niajn plej fervorajn pionirojn, sed ankaŭ alportis al nia movado sian idealistan spiriton, dank'al kiu niaj unuaj samideanoj povis komenci la batalon kontraŭ la indiferenteco kaj la rutino.

Feliĉaj ni estas ankaŭ, ke ni povas kongresi en la ĉeesto de nia majstro Zamenhof. Li travivis la dolorajn horojn de la kreado, li alestis la malfacilajn momentojn, kiam Esperanto lulata kiel malpeza ŝipo sur ondoplena maro havis antaŭ si plej necertan estontecon. Antaŭ ok jaroj ĉe la neforgesebla Bulonja Kongreso li ekvidis la unuan publikan triumfon de Esperanto, parolata de reprezentantoj de la plej diversaj gentoj. Hodiaŭ, post ok jaroj de tia ripetita sukceso, tiu spektaklo por ni jam ne plu estas io nova. Nin ne plu mirigas la miraklo de la moderna Pentekosto. Aliaj gravaj taskoj sin prezentas al nia pripensado ; kiel ĉiuj movadoj, Esperantismo evoluis. La pozivitaj priokupoj kun la neevitebla interbatalo de pasioj, kiun ili naskas, iom post iom anstataŭis la religian fervoron de la unuaj batalantoj. De la ideala kampo Esperanto transiris al la realeco. La vivo fortranĉis la flugilojn de kelkaj tro altaj revoj ; kun ĝi venis la batalado la homaj konkuroj utilaj kaj malutilaj, la krudaj postuloj de la realeco. Ni ne tro bedaŭru ĝin, ĉar la reala vivo havas je la revo tiun superecon, ke ĝi ja *estas*, sed ni tamen ne povas konsideri sen emocio la « heroan » epokon de Esperanto. La festoj utilas al ni ne nur por doni al ni okazon kune ĝoji, sed por igi nin konsciaj pri la ligiloj, kiujn ni tra la tempoj havas kun ĉiuj homoj, kiuj batalis por la sama celado kiel ni. En tiu Jubilea Kongreso de Esperanto ni ne forgesu la humilajn sed bravajn batalantojn de la unua horo, al kies laboro ni ŝuldas la fakton, ke ni ekzistas kiel membroj de sama rondo. Citi iliajn nomojn, rememorigi iliajn farojn, ne estas mia hodiaŭa tasko. Al ĉiuj kolektive ni, Esperantianoj, kiuj ĝuas la fruktojn de ilia laboro, sendas hodiaŭ la esprimon de nia profunda dankado. Eble pli multe esperis niaj unuaj pioniroj, pli rapide ili opiniis, ke venos al ni la mondo ; ilin gvidis la espero, ke post kelkaj jaroj la mondo malblindiĝos kaj komprenos nian penadon. La fortoj de la rutino kaj de la inercio estis pli rezistemaj, ol antaŭvidis ilia nobla spirito, sed ne vana estis ilia klopodado, ĉar al kelkaj miloj da homoj el ĉiuj terpartoj ili alportis ĝojon, laboron, novajn konojn kaj novan vivaspekton ; ne vana estis ilia klopodado, ĉar ili ja sukcesis krei ion, kiu antaŭe neniam ekzistis kaj kiu plenumos gloran vojon, se ni scias fruktigi iliajn semojn. Modesta estas la rezultato se oni ĝin komparas kun la tasko plenumota ; grandioza ĝi estas, se oni, de pozitiva vidpunkto, pripensas la grandegajn mal-

facilaĵojn, kiuj staris sur ilia vojo, la danĝerojn, kiujn ili devis eviti, la erarojn, kiujn ili devis forigi. Tial, ni kun konfido povas rigardi antaŭen. La pasinto instruas al ni, ke ni ne devas havi tro vastajn, tro proksimajn esperojn, sed ĝi ne malpli certe montras al ni, ke ĉiu penado postelasas fruktojn. La ekzisto de nian una Esperantujo estas konkretigo de la eblecoj de l'homa energio. Ni ekzistas ne laŭ iaj fatalaĵoj nereeblaj de ni; ni ekzistas ĉar ni volas. La vivo de Esperantujo dependas de ni mem; tiel same ni ekzistos se ĉiu el ni tion firme volas.

* *
*

Ni antaŭe diris, ke la periodo de religia fervoro, la periodo pure idealista estis forpasanta. Ĉu tio estas bedaŭrinda aŭ ne, ni devas ĝin konstati. Esperantismo ne plu estas io predikata kaj realigota, ĝi estas io enirinta en la vivon kaj ekzistanta per siaj propraj fortoj. Ni penetris en la pozitivan agadon, kaj en tiu rilato mi opinias, ke mi nenion trograndigas, se mi asertas, ke tiun fazon karakterizas precipe la kreo kaj la disvolvo de U. E. A. Ĝis antaŭ kvar jaroj, Esperantismo estis precipe ideala celado. Tio ne estis sufiĉa. Idealo, kiun oni ne povas eĉ parte realigi, estas socie senfrukta. Anstataŭ aserti, ke Esperanto estas dezirinda, ni opiniis preferinde pruvi tiun aserton per faktoj. Por tio ni devis kunigi la pli malpli izolajn penadojn de la tiamaj Esperantistoj, grupigi ilin por plifortigi ilian agadon, enkonduki en la ĉiutagan vivon tiun Esperanton, kiun ili prezentis kiel ion dezirindan kaj estonte utilan. La organizita agado anstataŭis la individuan agadon; la predikado cedis la lokon al la praktiko. Tia estas la esenco de la tasko de U. E. A. Ni esperu nenion de movado neorganizita, kiu fidas nur al la individua entuziasmo kaj fervoro. Tre vere estas, ke tio estas fortoj, kiuj potence helpas, sed sub la sola kondiĉo, ke la homoj, kiuj ilin posedas, estu grupigitaj, ke tiuj fortoj estu uzataj ne laŭ individuaj impulsoj, sed laŭ la postulo de ĝenerala bono. Por tio ankaŭ organizo estas utila, ĉar ĝi reguligas kaj stimulas la energiojn, kunplektas la individuajn bonvolojn kaj donas al ili direkton utilan. Krei organizaĵon ne sufiĉas; necese estas ankaŭ fiksi la principojn, kiuj gvidos ĝian vivadon. Tiuj principoj ne estas teorie formuleblaj antaŭe; ili estas iom post iom ĉerpeblaj el la praktiko mem, ellaborataj de la vivo; pri ili mi dezirus altiri la atenton de niaj kongresanoj kaj de ĉiuj niaj amikoj.

AGADO POZITIVA.

La unua principo estas, ke ĉe ni, ĉio dependas de la agado. En ĝi ni trovas la sankcion de nia penado; el ĝi ni ĉerpas la instruojn kaj la necesajn spertojn; per ĝi ni mezuras la socian valoron de la homoj kun ni laborantaj. Ĉiu diskutado devas celi difinitan agadon.

U. E. A., laŭ sia statuto, celas plimultigi la rilatojn inter la diversnaciaj homoj kaj krei inter ili fortikan ligilon de solidareco. Ni neniel propagandas, ke tio estas dezirinda: tiu prediko, eĉ elokvente farita, kondukus al neniu pozitiva rezultato. Ni penas plenumi laboron pli modestan kaj pli malfacilan: ni klopodas efektivigi nian celon — la celon de Esperantismo mem — en maniero tre relativa, sed praktika kaj palpebla. Por plimultigi la rilatojn inter la homoj ni multigu la okazojn por reciproka alproksimiĝo, ni kreu por ili novajn servojn, materiajn sed de ĉiuj uzeblajn; ni instigu ĉe tiuj homoj novajn kaj samajn bezonojn, kiuj plifortigos la solidarecon inter ili. El kio konsistas la solidareco, kiu unuigas la anojn de sama urbo aŭ de sama lando, se ne antaŭ ĉio el la interŝanĝado de servoj pli malpli altaj, kiu ekzistas inter ili kaj formas la bazon mem de la socia vivo de tiu urbo aŭ lando? Kio ekzistas inter loĝantoj de sama urbo aŭ de sama lando, tion ni celas ekzistigi ne inter ĉiuj homoj — kio nun estas utopio — sed inter limigita nombro de homoj, kiuj malgraŭ siaj diferencoj de lingvoj, de rasoj aŭ de naciecoj. deziras servi unu al la alia, labori sur la sama agadkampo, ĉar ili super siaj malsamaĵoj konscias pri tio, kio estas al ili komuna kaj ilin unuigas.

AGADO INTERNACIA.

Tio nin kondukas al alia karakterizo de nia agado, ebla nur per Esperantismo: nia agado estas absolute internacia. Ni turnas nin al ĉiuj bonvolemaj homoj, kiuj super ĉiuj landolimoj deziras grupiĝi por reciproka sinhelpado kaj sinkonado.

Sur la neŭtrala bazo de Esperantismo ni povis facile interrilati kun reprezentantoj de ĉiuj popoloj. Tra la neevitebla diferenco de la naciaj pensmanieroj ni konstatis, ke la esencaj sentoj, la veroj, la devoj, la ĉiutagaj priokupoj estas la samaj; pri tio konscias nun en ĉiu lando pli kaj pli granda nombro da homoj, kiuj estas pretaj kunlabori kaj servi unu la alian sen atento pri la naciaj aŭ rasaj baroj. En tio utile intervenas nia organizaĵo, kiu prezentas komunan agadkampon al tiuj internaciemaj homoj de ĉiuj landoj; ili povos tiom pli facile aliĝi al ĝi, ke dank'al la principoj de Esperantismo al ili ne estos trudataj la apartaĵoj de tiu aŭ alia popolo. Interne de nia organizo ili sentos sin egalaj membroj de sama rondo, ne diversnacianoj.

Tiu praktika internaciismo, realigebla senskue en la nuna stato de la monda organizo, ne estu konfuzata kun la teoria internaciismo brue laŭdata kaj mallaŭdata, sed tre ofte malmalpreciza kaj pure negativa. La internaciismo de U. E. A., estas pozitiva; ĝi ne konsistas el vortoj, sed el agado. Se ni volas, ke la vivo internacia estu io alia ol motivo de paroladoj, ni devas klopodi por ĝin realigi, antaŭ ĉio krei inter la homoj praktikan servaron, ligi ilin per organizo, insisti pri tio, kio ilin unuigas. Ekster tio ni vidas nur vanajn alvokojn pri frateco, konfuzajn aspirojn, kies rezultatoj estas sensignifaj.

Aliparte ni grupigas nur la homojn, kiuj deziras esti grupigataj. Antaŭ ol proponi al la mondo ideon, kiel ajn bela ĝi estas, ni vidu, ĉu gi estas realigebla por limigita nombro de homoj. Tiun eksperimenton plenumas U. E. A., en tre modesta mezuro. Se tiu eksperimento sukcesas, nia organizaĵo per sia forto reagos eksteren kaj progresos; se ne, ĝi dissolviĝos. La unua metodo: prediki al la mondo kaj poste realigi, estas la metodo de la teoriistoj. Oni ĉiam estas prava, kiam oni nur bezonas aserti. Ni preferas la duan: agi unue, poste prediki... se tio estas ankoraŭ necesa. Kun nia limigita celo ni opinias, ke ni tiel utile laboras, se ne pli, por la plibonigo de la interpopolaj rilatoj, ol tiuj homoj, kiuj konstante parolas pri frateco inter la popoloj, kaj neniam faris iam seriozan klopodon por eĉ parte efektivigi siajn ideojn en la reala vivo. Ni cetere ne kredas, ke nia agado havas kiel konsekvencon la fratecon inter la homoj — pruvon de tio pli ofte ol necese liveras nia movado mem — ni nur celas plifaciligi iliajn rilatojn, doni al ili la okazon interŝanĝi ideojn kaj servojn. Ĉu el tio naskiĝos inter tiuj homoj sento de frateco estas tute alia demando, kies solvo dependas de aliaj kondiĉoj.

AGADO DEMOKRATA.

Ni alvenas al alia karakterizo de U. E. A.: ĝi estas demokrata unue en sia organizo, due en sia spirito. Tiu sistemo necesigas konscian membraron, kies ĉiu individuo klare perceptas sian parton de respondeco en la vivado de la organismo, kies ano li estas. En tia organizo la disciplino estas ne jam trudata de ia ekstera aŭtoritato, sed memvole konsentata de la membroj en la ĝenerala intereso, kiun ili mem difinas. Nenio estas pli kontraŭa al la demokrata spirito, ol la sistemo, kiu plimultigas la diskutojn, metas la oficojn en la manojn de multnombraj komitatoj kaj dispecigas la respon-

## SOCIA VIVO

LABORO

### Nova laborista leĝo en Rumanujo

La rumana leĝaro pliriĉiĝis nun per leĝo por la organizo de la metioj, kredito kaj asekuro de la laboristoj, voĉdonita dum la lasta parlamenta kunsido kaj kies ekaplikado estas fiksita la 1-14-an de Aprilo tiu ĉi jaro.

Bedaŭrinde, kvankam tiu leĝo estis destinita por la plibonigo de la laborista situacio, tamen ankaŭ ĝi, kiel multaj aliaj, kiuj ne estas prilaboritaj kun vere sincera amo je la ĝuontoj de tiaj leĝoj, ne profitigos multe al la rumana laboristaro, pro siaj karakterizaj kondiĉoj.

Tion antaŭvidis la laboristaro ; kaj jam de la momento kiam la projekto estis publike diskonigata, granda movado komencis en la tuta lando. Energie ili protestis en publikaj kunvenoj, ĉar ili ĝis nun en Rumanujo ne havas iun propran reprezentanton en parlamento kiel alilande.

Tiu protestado, kiu ankaŭ nun daŭras, kaj al kiu aldoniĝas ankaŭ kelkaj strikoj, ne estas direktata tute kontraŭ la tuta leĝo sed nur kontraŭ la organiza fako — per kiu oni tendencas enkatenigi la laboristaron, ne donante al ili la liberecon sin organizi tiel, kiel la tempaj demandoj postulas — kaj nur kontraŭ kelkaj punktoj el la asekura fako.

Ĉar la spaco ne permesas fari tie ĉi tro detalan priskribon de la leĝo, ni nur resume montros la ĉefajn punktojn de ĝi

1. *La organizo de metioj.* Ekzistis jam de 1902 leĝo por organizo de la metioj, sed ĝi ankaŭ restis preskaŭ tute senfrukta. Per ĝi oni starigis korporaciojn kun konfuzaj regularoj, kaj sin okupis nur pri metiistoj laborantaj en malgrandaj laborejoj.

La nuna leĝo devige enkalkulas ankaŭ tiujn, laborantajn en grandaj fabrikejoj, metiistojn kaj nemetiistojn. Tiu ĉi fako estas apartigata en gildoj kaj korporacioj. En la gildoj estas enkalkulataj nur la metiistoj ; ĉu metilernantoj, laboristoj aŭ memstaraj metiistoj, t. e., metiejposedantoj aŭ fabrikistoj, kiuj konas la respektivan metion. La gildoj havas la taskon, prizorgi ĉion rilatantan la metion mem, t. e., la lernadon kaj la praktikadon, laŭ la leĝaj kondiĉoj.

Ĉiu metiisto estas devigata posedi metikarton, haveblan kontraŭ fiksita pago, prezentota ĉe eniro en laborejo kaj konservata de mastroj, kiuj enskribas en ili la tutan tempon, dum kiu la metiisto tie laboris.

Oni difinas la kondiĉojn laŭ kiuj devas labori la metilernantoj, la laboristoj kaj laboristinoj, starigante ke ne povas esti dungataj la malpli ol 11 jaraĝuloj kiel metilernantoj ; la aĝuloj inter 11-15 jaroj ne povas labori pli ol 8 horojn tage ; tiuj inter 15-18 jaroj pli ol 10 horojn tage kaj la virinoj eĉ super 18 jaroj nur ĝis 11 horoj tage (Pro tio, nun, multaj

---

decojn. Interne de U. E. A. — tio estas pli grava ol ĝi unuavide ŝajnas — la oficoj estas delegataj ne al komitatoj, sed plej ofte al individuoj (delegito, konsuloj, direktoro, fakestroj, k. a.). Tiamaniere la respondeco de ĉiu estas klara, la senutilaj diskutoj estas evitataj, oni povas agi rapide kaj trafe. La regionan delegiton elektas la membroj mem : tiu delegito elektas kompetentajn kunlaborantojn sub sia propra respondeco. Same ĉe la diversaj gradoj de la organizo. La kunvenoj kaj la kongresoj antaŭ ĉio celas faciligi la interŝanĝadon de ideoj kaj fiksi la ĉefajn liniojn de nia agado. La longaj diskutoj laŭ la parlamenta tipo, kiuj perdigas tiom da tempo al multaj organizaĵoj, estas anstataŭataj per la referendumo kaj iniciatrajto uzeblaj de la kompetentaj personoj, tio estas de la Delegitoj. Nia organizo cetere ne estas fiksata laŭ netuŝeblaj principoj ; ĝi estas precipe la frukto de la sperto kaj de la necesaĵoj ; tial ĝi restas fleksebla kaj facile adaptiĝos al la novaj bezonoj, kiujn eble naskos nia estonta agado.

AGADO LIBERA.

Ĉu ni devas aldoni ankoraŭ alian karakterizon ? Nia agado estas libera. Ni ne turnas nin al la registaroj, sed antaŭ ĉio fidas al ni mem kaj al la fruktoj de nia libera agado. Tio ne signifas, ke en diversaj okazoj nia organizaĵo ne povas serĉi apogon ĉe la ŝtataj aŭ urbaj aŭtoritatoj, kiel tio jam diversfoje okazis, sed eraro estus doni al nia agado nur tiun celon. Unu el la plej vanaj iluzioj estas la kredo, ke homaj leĝoj, eĉ kreitaj kun la plej laŭdindaj intencoj, povas ion krei kontraŭ la malfavoro aŭ la malpreteco de la popoloj. Ni ne celu la kreadon de surpaperaj leĝoj, kiuj favorus nian movadon ; tiuj leĝoj estas senpotencaj, se ili ne trafas publikon jam favorigitan kaj se ili ne estas konstante kaj praktike subtenataj de elprovitaj organizaĵoj.

Antaŭ ol trudi al la mondo Esperanton por la registaroj, ni laboru por trudi ĝian uzadon al la homoj, kiuj jam venis al ni. Kiam ekzistos sufiĉe potencaj internaciaj organizaĵoj kiuj praktike uzos Esperanton, kiam ni estos vera forto, ni povos ricevi helpon de la registaroj tiom pli facile, ke ni povos vivi sen ĝi.

Agado pozitiva, agado internacia, agado popola, agado libera, jen estas la formulo, kiu gvidas nian laboron kaj, laŭ kiu ni dezirus, ke niaj amikoj direktu sian agadon. Granda tasko staras antaŭ niaj okuloj. Por ĝin plenumi ni bezonas antaŭ ĉio fidelajn kaj seriozajn kunlaborantojn, ni bezonas homojn, kiuj timas nek laboron, nek agadon. Multaj ili jam estas en nia Esperantujo, kaj se en la daŭro de la kvar pasintaj jaroj ni povis plenumi parton de nia tasko, se malgraŭ ĉiuspecaj malhelpaĵoj ni sukcesis vivi kaj progresi, tion ni ŝuldas antaŭ ĉio al niaj sindonemaj amikoj, Delegitoj, konsuloj aŭ simplaj membroj, kiuj uzis sian ofte mallongan liberan tempon por konscience plenumi la devojn de sia tasko, ne ĉar ĝi donis al ili ian profiton, sed ĉar ili konsideris, ke ili tiel partoprenas en utila kaj pozitiva laboro. El ili multaj neniam havis la eblon ĉeesti niajn kongresajn kunsidojn ; multaj staras en lokoj, kie ĉiu agado renkontas plej grandajn malfacilaĵojn ; ilin ĉiujn kunigas la deziro fari ion utilan, ne kiel izolaj individuoj, sed kiel membroj de komuna organizaĵo, kiun ili volos ĉiam pli forta, ĉiam pli granda kaj ĉiam pli respektata. Sed ne sufiĉa estas ankoraŭ la nombro de tiaj modestaj kaj necesegaj kunlaborantoj kompare kun la farotaj taskoj. Tro multaj inter ni ne ankoraŭ vere sentis la gravecon de Esperantio ; ĉe la neesperantista publiko, tro multaj ne estas ankoraŭ klare informataj pri ideoj kaj faktoj, reprezentataj de U. E. A., kiun ili malĝuste konsideras kiel ian pure lingvan organizaĵon. Helpu nin vi ĉiuj por varbi al ni la bezonatajn kunlaborantojn ; konigu ĉiam pli kaj pli nian asocion, ĝiajn principojn kaj ĝiajn servojn, apogante vin ĉefe sur tio, kio jam ekzistas ; enpenetrigu Esperantion ĉe la neesperantistan publikon kaj ĉe tiujn rondojn, kiuj per sia celo mem ĝin pli malpli frue nepre bezonos ; precipe, ne ekskluzive zorgu pri internaj malpacoj aŭ teoriaj diskutoj, sed ĉiam rememoru, ke la faktoj naskas la teoriojn, ne la teorioj la faktojn ; irante senŝancele nian tre klaran vojon, plenumante konhumore nian modestan ĉiutagan taskon, ni paŝon post paŝo, kun via helpo, faros el U. E. A., vere fruktodonan socian forton, kiu ludos atentindan rolon sur la kampo de la homaj interrilatoj.

H. HODLER.

fabrikejoj, kie oni laboris 10 horojn tage, profitas devigante labori pli multe ol antaŭe).

La gildoj, kiuj devas enkalkuli almenaŭ 25 metiistojn, devas esti administrataj laŭ la kondiĉoj fiksitaj per la leĝo.

La *korporacioj* enkalkulas la nemetiistajn laboristojn kiel ankaŭ pluajn gildojn kaj estas administrataj de komitato konsistanta el gildokomitatanoj kaj laboristoreprezentantoj. La tasko de la korporacianoj, t. e., starigi oficejojn por dungado, helpi fondiĝon de lernejoj por la metilernantoj, administri la kapitalon por la asekuro kontraŭ malsano kaj por enterigo, starigi juĝan komisionon por la malkonsentoj inter mastroj kaj laboristoj, k. t. p. La korporacioj povas konfederiĝi laŭbezone. La gildoj kaj la korporacioj dependas de Centra Kaso de la metioj.

2. *Asekura fako*, kiu estas aligita same al la supre nomita kaso, konsistas el tri helpaj subfakoj : asekuro kontraŭ akcidentoj kaj asekuro kontraŭ maljuneco kaj nevalideco.

La unua kategorio enkalkulas ĉiujn gekorporacianojn kiuj estas devigataj kotizi per semajnaj kotizajoj variantaj inter 2 sd., ĝis 24 sd., laŭ la potaga salajro. Ĉiu asekurato rajtas ricevi monhelpon en okazo de malsano, nur se li kotizis almenaŭ 6 semajnojn, kaj tion nur plejmulte dum 16 semajnoj. Tiu monhelpo konsistos el 50 0/0 de la meza salajro de la kategorio al kiu apartenas, se li estas flegata hejme kaj 25 0/0 se ili estas flegata en iu malsanulejo, por la edziĝintaj kaj 35 0/0 aŭ 10 0/0 por la needziĝintaj.

Krom tio ili rajtas ricevi senpage kuracilojn, kuracistekzamenadon, k. a.

La akuŝantaj korporacianinoj kiuj kotizis almenaŭ 26 semajnojn rajtas ricevi dum ses semajnoj post la nasko la saman helpon, kiu povas esti pli daŭrigata ĝis 3 monatoj, se ŝi mem nutras la infanon.

En okazo de morto oni donas por enterigo de asekurulo de 24 Sm., ĝis 40 Sm., laŭ la klaso kaj nur se je morto la kotizajo estis pagita aŭ la asekurulo troviĝis en malsanstato.

La asekuro kontraŭ la akcidentoj rajtigas ĉiun ricevi en okazo de akcidento, post du semajnoj se estas korporaciano, kaj tuj post la akcidento se *ne* estas korporaciano, dum la daŭro de nevalideco pro akcidento, flegadon kaj ian renton.

La ricevota rento estas 2/3 de la salajro en okazo de kompleta nevalideco kaj proporcia en okazo de parta nevalideco. La rento estas kalkulata laŭ la potaga meza salajro kiun ricevis la vundito dum la lasta jaro. Se lia salajro superas 2 Sm., oni kalkulas la renton nur por salajro da 2 Sm., kaj por la restajo oni donas nur 1/3.

En okazo de morto pro akcidento, oni donas 40 Sm., por enterigelspezoj kaj al la vidvino sola 1/5 el la meza salajro de l'edzo, ĝis ŝia morto aŭ reedziĝo, kaj al ĉiu infano ĝis la 16 jaraĝo po 1/5 el la salajro por unu jaro; sed en ĉia okazo ne povas superi 3/5 el la meza salajro de l'mortinto. La renton de 1/5 oni donas ankaŭ al la gepatroj, se la mortinto estas needziĝinta.

Ĉiuj laborejposedantoj estas devigataj kotizi laŭkategorie per fiksataj kotizajoj, partoprenante al la mastra asocio, celanta la asekuron de iliaj dungitoj kontraŭ la akcidentoj.

*Asekuro kontraŭ maljuneco kaj nevalideco.* — Ĉiu laboristo el ĉiuj industriaj entreprenoj, komence de 16 jaraĝo estas devigata asekuriĝi kontraŭ la nevalideco kaj maljuneco.

Por rajti ricevi pension pro nevalideco oni ne postulas aĝlimon.

Neniu rajtas ricevi pension pro nevalideco, se li ne kotizis almenaŭ 200 semajnojn, el kiuj almenaŭ 16 semajnoj jare.

La rajto ricevi tiun pension estas perdata se la asekurulo eĉ post la 200 semajna kompleta kotizajo ĉesis kotizi almenaŭ 16 semajnojn jare. Se la nevalidulo resaniĝas la duono de pensio estas interrompata.

La edziniĝintaj virinoj rajtas ricevi la sumon de la pagitaj kotizajoj, se ili ĉesas labori post unu monato de la edziniĝo, sed nur se ili kotizis almenaŭ dum 200 semajnoj.

La asekurulo kiu post 200 semajna kotizado forlasas la metion, povas daŭrigi kotizadi sed sen la kunhelpo de l'ŝtato.

Por havigi al la Centra kaso la monrimedojn bezonatajn por tiu asekuro, kotizos la dunganto, la dungato kaj la ŝtato per semajnaj kotizajoj egalaj, fiksitaj por la unuaj 10 jaroj je 18 sd., semajne, pagota po 6 sd., de ĉiu.

La memstaraj metiistoj, t. e., kiuj ne dungiĝas sed laboras por sia propra konto — devas pagi kotizajon duoblan kiel dungato kaj dunganto. Por virinoj la kotizajo estas konsiderata pagata por 6 semajnoj, dum la akuŝtempo.

Se la asekurulo mortas ne ricevinte dum la vivo, pension, ĉu pro maljuneco ĉu pro nevalideco, kaj pagis dum 200 semajnoj kotizajon, la vidvino aŭ la laŭleĝaj infanoj malpli ol 16 jaraĝaj rajtas ricevi la sumigitan kotizajon pagitan. Se la virino asekurita morto, post kiam ŝi pagis kotizajon dum 200 semajnoj, la edzo rajtas ricevi la pagitan kotizajon, nur se li estos nevalida kaj havos infanojn malpli ol 16 jaraĝaj.

La ŝtataj oficistoj aŭ laboristoj, kiuj jam rajtas ricevon de pensioj, ne povas esti enkalkulataj en tiu ĉi leĝo.

Ĉi tiu asekurinstitucio dependos ankaŭ de la Centra kaso de metiistoj, kredito kaj asekuro, starigita per ĉi tiu leĝo.

Em. J. Nicolau,
*(Del., Bukareŝto).*

GEOGRAFIO

## La Indiana demando (1)

III

En la hejmo la virinoj faris la tutan laboron, kaj ĉiam laboris de la frua mateno ĝis la malfrua vespero. La viro tute ne faris laboron ĉe la hejmo. La virinoj eĉ kaptis kaj selislian ĉevalon kiam li volis iri for de la tendaro. Ofte la virino piedmarŝis pli grandan distancon por kapti la ĉevalon ol tiu poste vojaĝata de ŝia edzo. Mi mem ofte vidis fortan viron rajdantan sur ĉevalo dum lia edzino piedmarŝis flanke de li kaj portis sur sia dorso malgrandan infanon. Se estis nur unu ĉevalo la viro rajdis, ĉar li hontus piedmarŝi dum virino rajdus. Tamen, kvankam la virinoj treege kaj ĉiam laboris, kaj ankaŭ estis ĉiam la proprajo de iu viro, ili estis kontentaj kaj gajaj.

La viroj nur militis, ĉasis kaj penis ŝteli ĉevalojn kaj havajon ekster sia propra grupo. Inter sia propra grupo la anoj ne ŝtelis unu de la alia ; ne ĉar tia ago estus peko ; la indiano tute ne sciis la sencon de la vorto, peko tute ne ekzistis ĉe li, sed nur por tio ke tia ago estus maloportuna. Sed de iu ajn ekster sia propra grupo li ŝtelis tiom, kiom li povis, kaj fanfaronis pri sia lerteco en tiu rilato. Kaj, efektive, la indianoj estis lertaj ŝtelistoj.

Ke la indianoj estis bravaj neniu povas disputi. Eble la mondo neniam vidis pli bravajn homojn, sed ili estis terure kruelaj kaj ĝojis pro la turmentego de malamiko. Ankaŭ, kvankam ili estis mallaboremaj, malkleraj sovaĝuloj, kaj en siaj hejmaj kaj seksaj rilatoj tre malmulte superis la brutbestojn de la kampo, la indianoj estis tre inteligentaj homoj kaj en la diversaj aferoj de sia vivmaniero tre lertaj. Pri ilia braveco dubas kiu konas la indianon neniu ; ilia krueleco estis limigata nur de ilia kapablo elpensi novajn turmentegojn, ili tute ne sciis kompati al siaj kaptitoj.

La plimulto el la indianoj sed ne ĉiuj senskalpigis mortigitajn malamikojn, kaj tute ne diferencis, ĉu la mortigito estis viro, virino aŭ eĉ infano. La senskalpigo de mortigitaj malamikoj estis rezulto de la religia kredo de la indianoj. Ili kredis, ke en homo senskalpigita aŭ kiu mortis pro premsufokigo la animo mem mortis kaj ne plu vivos estonte. Aliflanke ili kredis, ke malamiko mortigita de iu tie ĉi kaj ne senanimigita, fariĝos la sklavo de la mortiginto en la estonta vivo. La estontan vivon iil nomas « La feliĉa ĉasregiono », kaj kredis ke tie ili ne plu mortos, sed vivos eterne.

(1) Vidu *Esperanto* de 5 junio kaj 5 julio.

Ili pensis, ke la estonta vivo estas regiono de fantomoj, ke tie ili trovos la fantomojn de kunuloj, amikoj kaj malamikoj, kiuj antaŭeniris ilin, tiel same kiel ili antaŭe ekzistis sur la tero; ke tie ili militos, ĉasos, vetludos, kaj en ĉiu rilato vivos la saman vivon kiun ili vivis sur la tero, escepte ke ili eniros tiun regionon nur en la spirito kiel fantomo kaj ne korpe. Ili atendis ankaŭ tie trovi la fantomojn de la bestoj kaj ĉiujn havajojn kutimajn en ilia antaŭa vivo.

La indianoj de la Pacifika marbordo troviĝis en granda, densa arbaro, uzis boatojn por transporti sian havajon, ne posedis ĉevalojn, estis multe pli pacemaj, kaj fiŝoj estis ilia ĉefa manĝajo. Ili multe similas la japanojn korpe kaj intelekte kaj efektive estas tute malsimila raso ol la indianoj de la meza regiono. Ili neniam tre forte kontraŭstaris la enlokĝiadon de la blankuloj kaj, pro tio, la mondo tre malmulte aŭdis pri ili. Pri la indianoj de la sudokcidenta parto de Usono mi tiel malmulte scias, ke tute ne taŭgas al mi pridiskuti ilin.

Por la celo de tiu ĉi artikolo mi jam sufiĉe pridiskutis la karakteron, morojn kaj kutimojn de la indiano. Kelkajn vortojn nun por klarigi la malpacajn rilatojn inter la pralogantoj de tiu ĉi lando kaj la novvenantaj blankuloj; pro tio, estis necese montri, ke la indianoj estis nur sovaĝuloj en la plena senco de la vorto.

La Supera Povo, ĝin nomu kiel vi volas, Dio, Naturo, aŭ nur okazo, evidente destinis la teron kiel loĝejon de la homaro; kaj ĉiu naskita tie rajtas al tiom da ĝi, kiom postulas liaj bezonoj. Jen ni trovas grandan, fruktodonan landon, kapablan subteni la vivojn kaj ĉiujn bezonojn de pli ol tri cent milionoj da homoj, kaj sub la mastrumado de sovaĝaj pralogantoj ĝi nur nesufiĉe portis logantaron de malpli ol duonmiliono. Estis nur nature, ke la novvenintoj, vidante la belegan landon kaj komprenante ĝian grandan utilecon, enŝoviĝus en ĝin kaj ĝin uzus. Kaj, miaopinie, la indianoj ne kontraŭstarus tian agon se ne ekzistus aliaj kaŭzoj por la interrasa malpaciĝo.

Oni diras, kaj multaj kredas, ke la indianoj ofendiĝis je la entrudado de la blankuloj en la ĉasregionon. Sed tio estas sensencajo; unue la indianoj bonvenis la blankulojn, kaj la malpaciĝo inter la du rasoj komencis longe antaŭ ol la blankuloj eniris la landon sufiĉe multnombre por esti minaco al la indianoj.

*(daŭrigota)* F. P. Zent (Del. Anacortes).

## La Hindoj

I

Neforgeseble ensorĉa estas la sperto pasi unuafoje de la bruego de la vintraj anglaj ĉieloj al la trankvila lazura kaj klarega beleco de la Oriento. Blindiganta neĝfalo kaj tranĉanta malvarmeco ĉe Brindisi, melankolia veturado tra plumbkoloraj maroj kaj malsekigantaj pluvegoj al Port Saïd, kaj tiam, subite — kvazaŭ unu duono de la mondo forfalis post ni — aero, kiu similas fluidigitajn perlojn, ĉielo blua kiel miozotoj, suno orruĝa kiel la koro de forno, kaj trankvileco « kvieta kiel monaĥino, senspire adoranta ».

Ŝajnis kvazaŭ magiisto translokigis nin en dormo, al ravanta palaco de ensorĉado en la supra aero. Tra la longa koridoro de la Suez'a Kanalo, kun ĝiaj tapetoj de flava dezerto, kaj malgajaj palmoj, kaj karavanoj de kameloj, tiu magiisto kondukas la mirigatan vojaĝanton en la grandan galerion de la Ruĝa Maro, loĝata de la fantomoj de la Izraelidoj, kaj bruanta pro la radoj de la faraonaj ĉaroj. Tra tiu galerio, rememoriganta la pasintajojn, la vojaĝanto estas alkondukata al la sunkuŝiĝa kurteno de Aden, kiun la magiisto tiras flanken, malkovrante la brilan scenejon de la Araba Maro. Kaj nun tra tiu grandega kaj belega vestiblo, sur kies tegmento nokte brilas la plej belaj steloj, kaj kie la suda Kruco pendas, kiel fenestro en la ĉielon, super la rando de la lune-lumita mozaiko de la maro, enspirante ĉiam pli da ĝojo en sian koron, kaj sin sentante pli kaj pli la viktimo de halucino, la vojaĝanto veturas en pli bluajn akvojn kaj sub pli bruligajn ĉielojn, ĝis li venas fine ĉe la Pordo de la Regno de Sonĝoj, kaj sin trovas staranta sur la marbordo de Nova Mondo.

Ĉio estas malsama; la aero estas pezigita de nova aromo. La vojaĝanto konscias en dormema somnambulismo spiradon kaj odoron, ĉarmon kaj varmecon, kiuj estas novaj por li kaj faras strangan atmosferon por lia animo.

Li vidas ŝanĝon absolutan kaj kompletan, ambaŭ en la ĉielo kaj en la homaro pasanta antaŭ liaj okuloj, kiel figuroj en sonĝo. La suno, malmulte pli netolerebla ol dum niaj plej varmaj someraj tagoj, la sama suno kiu estas plaĉa kaj sendanĝera en Egiptujo, havas tie ĉi diablon kaj estas plena de danĝero por la homa cerbo. Ĝi brilas sur la blankaj muroj de la domoj, ĝi brilas sur la suprependantaj fadenoj de la elektraj tramoj, ĝi brilas sur la ŝtonoj de la stratoj, ĝi brilas sur la malhelaj folioj kaj pendantaj polvo-kovritaj radikoj de la banjano, — kaj ĝia brilo ne estas la ĝoja gajeco de la ridetanta somero, sed la kolero de malamikeco kaj la minaco de frenezeco. Vi ne ĝojas pri tiu bela suno, vi timas ĝin, kaj povas esti, ke vi eĉ malamos ĝin.

Sed tiu timo al la suno estas forgesita en la nova kaj senĉesa sorĉado de la hindaj popoloj. La vojaĝanto troviĝas rigardante grandokule, kun buŝo malfermita, kiel knabo ĉe pupoludo. Li vidas belan urbon de nobla arkitekturo kaj vastaj stratoj, loĝatan kaj posedatan de tiel stranga kaj malakordiĝa popolo, ke ilia seriozeco kaj soleneco frapas lin unue kiel mirinda ŝerco. Tute ne kun la intenco ofendi la hindojn, sed pli, kiel pruvo de la nekosmopoliteco de la vojaĝanto, mi komparas tiun ĉi unuan senton de amuzita miro al la sento de ridindeco, kiu frapas vizitanton en zoologiaj ĝardenoj. Ni ridas je la solenaj girafoj, seriozaj pelikanoj, kaj arogantaj strutoj, precipe ĉar ili ne ridas je si mem. Se la vojaĝanto en Hindujo, je la unua sento de miro, demandas kial la rimarkinda popolo pleniganta la stratojn kaj la malfermitajn butikojn, ne ridas je sia propra strangeco, estas sendube ĉar li estas envolvita en sia propra malgrandanimeco kaj blindigita de sia alkutimiĝinta okcidenteco.

Sed ni certe povas pardoni lin por tiu ĉi unua mallerteco. Unue, estas la ĉapeloj. En Eŭropo strangeco de kapo-kovriloj estas la ekskluziva apartenajo de la virinoj. En Hindujo ĝi apartenas sole al la viroj. La malgrandaj, malgras-brakaj rekt-kruraj virinoj de Hindujo preterpasas sen ĉapeloj iaspecaj, aŭ malkovrinte sian oleitan nigran hararon tute al la suno, aŭ tirinte sur la kapon parton de la drapo kiu nur parte kovras iliajn korpojn. Aliaflanke, la bonaj sinjoroj de Hindujo portas ĉian specon de ĉapelo imageblan. La maljuna kaj okulvitroj-havaj « Parsi » portas altan senrandan lakitan konstruajon, kiu estas kompromiso inter la mitro de episkopo kaj doma karbujo starigita sur unu ekstremajo; la pli juna kaj frake-vestita « Parsi « pasas, sub malgranda kolomb-kolora kupoleto simila al pudingingo kun nur mallarĝa ĉirkaŭajo el felo por rando. Jen venas barbhava Mahometano kun turbano tiel grandega, ke oni unue pensus lin lavisto portanta hejmen ies tolajaron sur la kapo; kaj jen venas gaja grasa hindueto portanta skarlatan turbanon ne pli grandan ol la vatajo portata de niaj vagantaj vendistoj de mufenoj kaj krumpetoj. Inter tiuj du formoj kaj grandecoj de turbanoj, vi vidas, sur la kapoj de la popolo cent fantaziajn elpensitajojn el vindotukoj de ĉiuj koloroj sub la suno. Se ĉiuj tulipoj en la Kew'aj Gardenoj ekpromenus je alteco de kvin futoj kaj kelkaj coloj super la tero, vere ili ne farus tiel rimarkindan koloro-miksajon, kiel la turbanoj de hinda urbo.

*(daŭrigota)* Harold Begbie.

*(Trad. A. P. (Calcutta), laŭ afabla permeso de la eldonistoj, S-roj Hodder kaj Stonghton, Londono).*

## El Polaj kolonioj en Parana (1)

III

Post sensukcesa batalado kontraŭ musoj kaj ratoj, kiuj, simile al la jaroj antaŭaj, detruis niajn rikoltojn, mi en decembro de 1910 entreprenis ekskurson por viziti kaj ekkoni aliajn polajn koloniojn kaj unuavice kolonion *Rio Claro.* Malgraŭ dekkelkjara ekzistado la kolonia urbeto apud r. *Rio Clara* ne meritas ĉi-tiun nomon. Ĝi enhavas unu preĝejon, unu ŝtatan kaj unu privatan lernejojn, poŝtoficejon, kelke da *vendoj* kaj kelkdek dometojn, el kiuj multaj staras malplenaj. Ĝi viviĝas nur dum la dimanĉo aŭ alia festo; tiam ŝvarmas ĉi tie koloniistoj, sed post diservo kaj post abundaj regaloj en la *vendoj* ĉiuj disiras, kaj la urbeto denove senviviĝas.

La dometoj de la kolonio, puraj kaj bonaspektaj, posedas ĝardenetojn kun vinarbustoj, pli malofte kun persik- kaj oranĝarboj. Sur la kortoj multe da kortbirdoj kaj porkoj; oni povas ankaŭ vidi bovinojn kaj ĉevalojn. Impresigas bonstato, kvankam la terajo estas ne bona kaj rikoltoj-malbonaj. La koloniistoj klarigas, ke profitigis ilin laboro ĉe konstruado de la fervojo. « La sola ŝakro (*chakaro*) ne sufiĉas por vivi » mallonge difinas la koloniisto enspezecon de sia mastrumado. Multe da ili, ne povante satvivi, transiris sur terojn privatajn. Apud la kolonia fervoja stacio *Marechal Mallet* fondiĝis sufiĉe viveca urbeto, kie oni faros provon krei 5-klasan privatan polan lernejon.

Je malproksimeco de 54 klm. de la lasta stacio, inter r. *Iguassu* kaj *Rio de Areia*, oni aranĝas novan kolonion, kies nomo *concordia* estas ŝanĝita je *Cruz Machada.* Ĝi etendiĝas tra montaro *Serra d'Esperanza.* La komitato jam ekkomencis siajn laborojn : oni mezuras, strekas vojojn, konstruas pontojn ktp. La montara tereno kaj malproksimeco de la fervojo ne povas certigi al la kolonio prosperan estontecon.

La plua mia vojo iris proksime de la fervojo tra staciojn *Roxoroiz, Antonio* k. a. En *Roxoroiz* mi ekkonis privatan polan kolonion, konsistantan plej parte el la forkurintoj de kolonio *Rio Claro.* Ĉi tiuj koloniistoj, ne povante satvivi sur registaraj parceloj, forlasis ilin kaj transloĝiĝis sur teron privatan. Sed privata terproprajo en Parano estas ordinare ne fiksita, disputata. Post tutpago al unuaj posedintoj, aperis aliaj, kiuj ankaŭ havis kaj postulis monon. Sekvis milito : detruado de rikoltajoj, mortigado de brutoj, invadoj, bataloj ktp. Kiu volus konvinkiĝi kiel aspektas la pola-brazilia idilio, al tiu mi konsilas observi kolonion *Roxoroiz.*

Iom pli ol 40 klm. de *Roxoroiz* kuŝas stacio *Iraty* kun urbeto kaj kolonio de la sama nomo. Komence ĉi tiu kolonio estis destinita por germanoj kaj nederlandanoj, sed kredeble baldaŭ ĝi ne diferenciĝos de l'aliaj, ĉar la komencaj koloniistoj pli kaj pli multope forlasas ĝin. Sur tiaj parceloj, kiajn disdonadas la komitato, travivas neniu *caboclo*, eĉ se li forte malsatiĝus, ne miro do, ke ankaŭ la eŭropano ne sukcesas ĉi tiun artifiken. Ĉiuj pluaj provoj krei koloniojn de koloniistoj pli kulturaj, ol ĝis nunaj, devas finiĝi malprospere.

Apud stacio *Fernandes Pinheiroi* mi forlasas la relvojon kaj tra urbetojn *Cupim* kaj *Euxovia* iras al Ivahy. Tial neeble monotonan pejzaĝon mi vidis neniam dum la tuta vivo : antaŭ la okuloj preteriĝas malgajegaj *piniroj*, intersimilaj kvazaŭ gutoj de l'akvo, monstre kurbigitaj *imbujoj* kaj *kanelloj*, renkontataj braziliaj farendoj (biendomoj) ĉiuj estas konstruitaj laŭ unu sama modelo. Ĉi tiu monotoneco de la pejzaĝo, manko de alternado de la sezonoj, unuformeco de vetero (post konstantaj, preskaŭ seninterrompaj pluvoj — seninterrompa « bona » vetero) tre malfavore influas humoron de la loĝantoj. Nenie, nek inter la *caboclo*j, nek en la polaj kolonioj, aŭdiĝas gaja kanto, bruo de muziko aŭ alia voĉo de ĝojo. Ĉi tiea loĝanto estas krepuska, ĉiam iel meditanta, enprofundiĝinta en siajn pensojn, kvazaŭ ĉi tiuj malĝojaj arbaregoj sorĉis lin kaj li timas difekti ilian silentadon.

T. Chrostowski

trad. J. Chawkowski (Del. Novo Minsk).

1) Vidu Esperanto de 5 junio kaj 5 aŭgusta.

IDEOJ & FAKTOJ

## La internacia orvendejo kaj la socia problemo

Nuntempe, kiam ia aludo pri la socia problemo atentigas la ordinaran ekonomiiston nur al demandoj pri la konstruado de taŭgaj domoj, la nutrado de infanoj, leĝprojektoj pri minimuma salajro, strikoj ktp., la leganto eble iom surpriziĝos pri la titolo de ĉi tiu artikolo; tamen oni povas montri, ke niaj politikistoj estas kulpaj je grava manko, ne pripensante la efikon de la internacia aĉeto kaj vendo de la oro, kiam ili diskutas la socian problemon.

Al tiuj kiuj ne ankoraŭ studis la mehanismon de komerco, oni eble sugestios novan pensvojon konstatante ke la plej granda parto de la nuntempa interŝanĝo de komercaĵoj funkcias sur kreditbazo. Krudaj produktaĵoj estas senditaj per kredito de proksimaj kaj malproksimaj landoj. Per kredito la negocistoj ilin aĉetas. Per kredito la industriistoj ilin fabrikas. Kiam malhelpaĵo okazas en la mekanismo de la kreditsistemo, kiel ekzemple la Usona krizo en 1907, la tutmonda industrio estas paralizita. Ekzamenante la situacion, oni konstatas, ke ĉi tiuj industriaj katastrofoj rezultas ĉefe de neatendita forfluo de oro el la bankoj. La oro okupas apartan situacion en moderna komerco. Iam la metalo estis preskaŭ la sola perilo de interŝanĝo, sed grade ĝin anstataŭis la paperpromesoj per kiuj oni promesis pagi oron laŭ peto. Tiuj ĉi promesoj cirkuladis egale libere kiel la ormoneroj mem pro la popola konfido, ke la papero estis ŝanĝebla en oro laŭ peto. Sed, kun la grada pligrandiĝo de la reciproka konfido en la komerco, la ŝanĝo de ĉi tiu papero kontraŭ oro pli kaj pli malofte okazis, kaj oni grade sukcesis efektivigi la interŝanĝon de amaso da komercaĵoj multe pli valora ol la tuta ekzistanta sumo da oro per simpla transdono de tiuj paperaj garantiaĵoj. Jen en nunaj tagoj vasta superkonstruaĵo de paperkredito bazita sur ege malgranda sumo da oro, kaj teorie ŝanĝebla kontraŭ tiu relative bagatela orvaloro. La komerco estas subtenata per kredito kaj reciproka konfido: ĉiu sciaske se la kreditoroj en nur unu el la civilizitaj landoj petus la oron je kiu ili havas leĝan rajton, la grandega tutmonda superkonstruaĵo de kredito disfalus kiel domo konstruita el kartoj. Tamen, kvankam la kreditoroj ĝenerale volas akcepti ĉi tiujn paperpromesojn anstataŭ oro, ekzistas ĉiam forta peto por la oro mem; kaj la eldonistoj aŭ negocistoj de la paperpromesoj — la bankistoj — devas ĉiam teni certan sumon da oro kiel bankrezervaĵon kontraŭ ĉi tiu peto. Iu malgrandiĝo de tiu orrezervaĵo devas esti tuj kontraŭe balancita per limigo de kredito, por malgrandigi la peton por la oro. Kiam la orrezervaĵoj de iu el la nunaj bankcistemoj grave malgrandiĝas, la bankistoj forte malgrandigas sian eldonon de kredito. Rezultas freneza peto de la fabrikistoj, komercistoj kaj industriistoj je kredito por subteni siajn financajn respondojn, kio finiĝas en financa krizo, kiam reciproka konfido malaperas en komercaj aferoj, kiam ĉiu kreditoro petas oron, kaj ĉiuflanke oni proponas produktaĵojn kaj garantiaĵojn ĉiaspecajn por la oro. Industrio haltas kaj bankroto okazas ĉie. Tiaj krizoj ofte kaŭzas senokupecon de la laboristoj dum du, tri aŭ kvin jaroj.

Ni nun kunigu ĉi tiun fenomenon kun la socia problemo. Estas pruntepreníta kapitalo. Se ni deziras kunvenigi kiel eble plej aŭtomate la produktan kapablon kaj la ĉiaspecajn produktaĵojn kiujn ni deziras vendi, estas tre grave, ke la mekanismo de kredito funkciu kiel eble plej facile; tamen

oni konstatas en moderna industrio faktojn, kiuj kontraŭstaras ĉi tiun principon.

En la komerco aperas je unu flanko konstanta tendenco por produktaĵoj resti neaĉetitaj — halto de komerco — kaj je la alia flanko nevola senokupeco de produkta kapableco (kiu dependas de la uzado de tiuj ĉi neaĉetitaj produktaĵoj por daŭrigi sian oficon). Ĉi tiuj cirkonstancoj ŝajne indikus la ekziston de ia malhelpaĵo kontraŭ la libera funkciado de la mekanismo de kredito. Nu, kiam ni ekzamenas la banksistemojn de ĉiu civilizita lando en la mondo, ni ekvidas la duan gravan fakton ke la bankoj *ne povas* subteni la industrion per longedaŭraj monpruntaĵoj al ĉiuj personoj de konata reputacio kaj komerca kapableco, sed kontraŭe, ili devas ĉie limigi siajn longedaŭrajn pruntaĵojn al tiuj kiuj posedas garantiaĵojn vendeblajn dum tempo de monkrizo, t. e., kiam la oro grave mankas. Sed la garantiaĵoj kiujn posedas la ordinara industriisto estas kutime nur produktiloj (maŝinoj k. t. p.) kaj lia reputacio; sekvas, ke ĉi tiuj kiuj pleje bezonas tian helpon ne povas ĝin ricevi kaj devas aŭ anstataŭigi siajn entreprenojn per akciaj kompanioj kaj tiel cedi la plej grandan parton de siaj profitoj al tiuj, kiuj nenion faras escepte prunti la oron, kies uzon la ŝtatleĝoj necesigas en komerco — aŭ, kiel ĝenerale okazas, ĉi tiuj industriistoj estas devigataj limigi siajn komercajn entreprenojn al sia propra kapitalo, kaj sekve estas el la komerco grade forpuŝitaj de tiuj, kies posedo de pli granda kredito donas la kontrolon de la plej moderna maŝinaro. La industria sistemo en kiu nur tre malgranda nombro de la produktantoj povas malkare pruntepreni, devas neeviteble aperigi « troprodukton », kaj, pro tio ke la laboristoj estas devigataj konkuradi unu kontraŭ la alia por vendi sian laboron al la malmultaj monopolistoj, nesufiĉajn salajrojn.

*(daŭrigota)*

Henry Meulen,
*Trad. Geo J. Cox (London)*

MONDLITERATURO

## En kio konsistas la ĉarmo de rusa literaturo de l'19-a jarcento

La rusa literaturo en unu jarcento — (la 19-a) — akiris ĉefan lokon inter la mondliteaturoj. En la tempo, kiam aliaj literaturoj — en la itala, franca, germana, angla k. a. trapaŝis jam jarcentan evoluon, tutan gloran estintecon, en Rusujo komenciĝis nur la unuaj nekuraĝemaj paŝoj. Post malfortaj, neoriginalaj komencprovoj (ĝi estis precipe imito de germanaj kaj angla romantikoj) alvenas rapida disfloriĝo. La rusaj libroj triumfiras tra la tuta mondo. En kio konsistas la kialo de tia sukceso, en kio estas la ĉarmo, forto de rusa literaturo de l'19-a jarcento? Pri tiu ĉi interesa temo traktas la eminenta rusa kritikisto S. A. Vengerov en broŝureto : En kio konsistas la sorĉo de rusa literaturo de l'19-a jacento ? (Peterburgo 1912).

Estas certe, ke oni ne povas serĉi la ĉarmon de rusa literaturo nur en pure artistaj kvalitoj. Nesufiĉas nur la ĉarmo de la formo, la verko devas al ni doni pli multe. Ĉi tie necesa estas harmonio inter la perfekteco artista kaj enhava profundo. Kaj estas nedisputebla fakto, ke la rusa homo pli volonte pardonas pri la neperfekteco de l'formo, sed neniam pri la malprofundeco, enhava suprajeco. En kio do estas la profundo de l'enhavo, kiaj estas la fundamentaj elementoj, sur kiuj baziĝas la tuta grandioza konstruo de rusa literaturo, per kiuj ĝi ravis tiom da homaj animoj ? Fundamentaj ĉi tiuj motivoj, kiujn ni trovas preskaŭ en ĉiu pli signifa verko, estas du : granda amo al proksimulo kaj granda malgajo.

La unua fundamenta ideo — granda amo al proksimulo — aperas tiel dire per si mem pro la rusaj rilatoj. La sociaj rilatoj estis — kaj ĝis hodiaŭ en multo estas — neĝojigaj disputoj inter la diversaj klasoj tro fortaj. Tiun aserton oni povas apliki precipe pri la rilato de l'nobelaro al la servutanta popolo. Stato de la servutanta popolo ĝis la agrara reformo, do ĝis la sesdekaj jaroj estis rekte brutiga. La nobelaro estis ĉiopotenca la mujiko estis sklavo, kiu duonmortas pro tro malfacila laboro, mizero kaj alkoholo. Kaj tiam en antaŭreforma periodo, oni vidas interesan aperon, kies analogion ni trovas ĉe neniu alia nacio. Tre multaj nobeloj, vidante la mizeron de l'mujiko, lian malesperan staton, penas helpi lin. Kun doloro ili sentas la maljuston farotan al mujiko, sin mem ili komencos opinii kulpuloj kaj ili komencos penti. Kaj tiel aperas la tipo de l'pentanta nobelo, kiel unuan fojon lin nomis la kritistiko Miĥajlovskij. Tiu ĉi nobelo opinias sian riĉon io peka, kiel punon de Dio. Do multaj eksiĝas el ĝi, iras inter la popolon, skribas pri la popolo, kaj penas ĝin helpi materie kaj spirite. Kaj tiamaniere ni trovas en iliaj verkoj grandan kunsenton, grandan amon kaj oferemon. Jam *Radiŝĉev* deziras liberon de la kamparanoj en la verko : Pilgrimado el Peterburgo al Moskvo (1791). Li rekte kulpigas ĉi tie la registaron kaj pli altajn klasojn, ke ili subpremas la popolon. Li devas suferi ekzilon pro siaj kuraĝaj vortoj. Same Puŝkin skribas flamajn vortojn por forigo de la servuto de l'popolo.

Kaj ĉi tiu movado vastiĝas ĝis venas la sesdekaj jaroj kaj precipe la sepdekaj, kiam rusa inteligentularo nobeloj kaj roznoĉinci (estis inteligentuloj nenobeloj, homoj devenantaj el klasoj neprivilegiitaj) — iras inter la popolon kun plej belaj idealoj, ĝi eksiĝas de la komforta vivo kaj entreprenas la malfacilan laboron kiel mujiko. Kaj tiamaniere la rusa nobelaro, kiu el la mujiko plej multe profitis, mem zorgis pri lia liberigo, ekz. Turgenev per siaj Noticoj de l'ĉasisto kaj tuta vico da aliaj antaŭ la agrara reformo kaj post gi. Kiam la mujiko estis materie liberigita, rusaj verkistoj penadis plialtigi lian nivelon kulturan. Ĝi estas unualoke verkistoj de sepdekaj jaroj t. n. « narodniki » popolanoj, kiuj kun oferema amo dediĉis tutan vivon por la mujiko. Lasta ĉenero de ĉi tiu nobla peno estas Tolstoj mem. Ni do vidas, ke dum la tuta jarcento — de post Radiŝĉev ĝis Tolstoj — la ĉefopenson. kiu estas bazo de plimulto da beletristikaj verkoj — kreas la amo al suferanta rusa homo, de la amo al proksimulo. Estas kompreneble, ke idealo de persona feliĉo ĉi tie malaperas, persona feliĉo ŝajnas peka, ĉar ĉu estas eble, ke iu estus feliĉa, kiam lia proksimulo — ĉi tie rusa mujiko — grave suferas ? Kaj estas tre karakterize, ke preskaŭ neniu rusa ĉefverko de l'19-a jarcento havas feliĉon. La burĝa feliĉo estas malamata. Kie vi trovos feliĉon kaj ĝojon en verko de Gogol, Dostojevskij, Tolstoj ?

Eĉ kiam ŝajnas unuavide, ke la heroo estas feliĉa, subite oni vidos, ke meze de l'ŝajna feliĉo li ne komencos pensumi, serĉi veran substancon de la feliĉo kaj li trovos ĝin en feliĉo propra, sed en bonfarado por prospero de aliaj, do en amo al proksimulo. Kio alia estas la dua parto da l'agado de Tolstoj ĝis lia morto ? Kaj kiu el la herooj de rusaj romanoj ne trovos ĉi tiun feliĉon en bonfarado, kiu nur sian propran feliĉon serĉas, tiu malsukcesos. Lia animo estas eterne malplena, eterne serĉanta, nekontentigita kaj, nur la morto alportas liberigon. Oni prenu jam Onegin, poste Peĉorin, malnecesajn homojn de Turgenjev ktp. « Malnecesa » homo fariĝas en rusa literaturo tipo tiel stranga, kiel en neniu alia literaturo. Nur la amo al proksimulo povas savi. Al ĉi tiu fundamenta motivo viciĝas la dua, kiu kun ĝi estas intime kunligita. Ĝi estas *granda malgajo. profunda melankolio.*

Ĉu iu povus ĝoje vivi kaj skribi en Rusujo meze de tia mizero? Eĉ la rusaj regionoj, malproksimaj, vastaj, silentemaj, faras impreson de senfina neĝojo, malgajo. Ankaŭ la rusa kanto estas malgaja, melankolia. La plej belaj kantoj rusaj — ĉu artaj ĉu popolaj — spiras per nedirebla malĝojo. Kiom da malĝojo vi trovas nur en la poezio de Njekrasov ! Vane oni serĉas en rusa literaturo sunplenan belon. Oni trovas belon malgajan, kun larmoj en la okuloj. Kiom pli

profunda ĝi estas, kiom pli nobla kaj homa ol la belo gaja! Kaj same kiel malhavas la rusa literaturo veran sunplenan belon, neestas en ĝi *vera, sana humoro*, sincera rido, senzorga gajo. Iom amare sonas la rusa rido. Ni aŭdu ekz. la ridon de Gogol, kiun ni povas nomi tipa en rusa literaturo. Ankaŭ kiel dolorplena estas la satiro de Ŝĉedrin-Saltikov! Kaj tiamaniere mi povus daŭrigi! Oni afliktiĝas ĉe tiu rido, oni timas ke post spasma rido, oni ne aŭdu spasman ploradon aŭ malesperan ridon de frenezulo. Ĝi ne estas la dusenca, facilanima rido franca, aŭ burĝa rido germana — sub la rusa rido malfermiĝas la profundo de l'doloro, malgajo, larmoj. Kaj kiel la amo al proksimulo, ankaŭ la senmezura malgajo fariĝis fruktonoda forto de rusa literaturo. Per ili estis sanktigataj la animoj elektitaj por plej noblaj idealoj de la homeco. Ni ne trovas ĉe la rusaj korifeoj facilamimecon, suprajan privivan filozofion. Male ĝi estas profunda, ili rigardas la vivon kiel ion, kio estas travivota ne en volupto sed noble, inde je l'homo. La rusan genion ni povus imagi konkrete nur kun severaj trajtoj en la vizaĝo, kun okuloj febre fiksitaj en mistikan malproksimon de l'idealoj.

Tiu ĉi veremeco de rusa literaturo, la inda komprenado de l'vivo, la amo al proksimulo kaj senmezura malgajo — estas la misteraj fontoj, kiuj logas al si animojn de homoj veramaj profundopensaj, serĉantaj veron, ĝi estas la ĉarmoj, kiuj altigas la rusan literaturon de 19-a j. c. super ĉiuj literaturoj. En ĉi tiuj elementoj estas ankaŭ bela promeso por la estonteco. Se la rusa literaturo restos fidela al ĉi tiuj idealoj, se ĝi sekvos la piedsignojn de Dostojevskij kaj Tolstoj kaj de ilia heredinto — Merejkovskij — ni povas de ĝi atendi la plej belan rikolton.

D-ro Jos. Hostovsky.

El « Ĉas » trad. Brodano (Innsbruck)

# NOTOJ

∴ *Notado de la horoj de 0 ĝis 24.* — De la komenco de la somera servo, la hortabeloj de la francaj fervojoj kalkulas la horojn de 0 ĝis 24. La francaj poŝtoj kaj telegrafoj akceptis tiun modifon de post 1910; ĝi ekzistas en Belgujo, Italujo kaj Usono jam de pluraj jaroj kaj tie liveris kontentigajn rezultatojn. Oni parolas pri ĝia enkonduko en aliaj landoj. Tiu notado estas cetere konsekvenco de la sistemo de la horaj fuzoj, kiu dividis la terglobon en fuzoj, inter kiuj la horo varias ekzakte je 60 minutoj.

∴ *Kiel en Ĥinujo oni fermas rompitan digon.* — La ĥinoj havas por fermi la truojn de la digoj ĝis nun en Eŭropo ne uzitan tute specialan metodon, kun kiu ili havas bonajn rezultatojn kaj kiun ili uzas de longaj jarcentoj. Ili ligas la du partojn per ŝnuregoj. Se ili kunligis la du partojn per sufiĉa kvanto da ŝnuregoj ili kovras ilin per kano, ligno kaj tero. La amaso de tiu miksaĵo devas esti tiel granda, ke ĝi povu plene fermi la truon. Tiel la tuta konstruaĵo pendas en la aero ĝis ĉio estas preta por la « dishako ». La dishako estas la granda momento. Je donita signo sur ambaŭ flankoj oni distranĉas la ŝnuregojn kaj la tuta amaso falas en la truon, fermas ĝin kaj nun la digo estas denove en ordo. — F. F.

∴ *Interkonsentoficejoj ĉe la amerikanaj fervojasocioj.* — Usono posedas depost la jaro 1898 leĝon, kiu starigis interkonsentoficejojn por la forigo de malkonsentoj inter la fervojasocioj kaj iliaj oficistoj. Unue la malkonsentoj estas raportitaj antaŭ peran komisionon, kaj se ĉi tiu ne sukcesas atingi interkonsenton, ili estas raportataj antaŭ speciala arbitranciantaro. Ĉi tiu konsistas el tri membroj, de kiuj po unu estas elektita de la du partioj, la tria estas elektita de la du unuaj. En okazo de neinterkonsento la registaro elektas la trian.

Ĉi tiu institucio havas bedaŭrinde nur laŭvolan karakteron; nur se la partioj ĝin deziras, ĝi ekfunkcias. Ambaŭ partioj devas ankaŭ antaŭe promesi akcepti la decidojn. Nur en tia okazo la decido estas valora.

Sekve de tio la leĝo ne ofte estas aplikata: tamen estas rimarkinde, ke ekz. en la jaro 1907, en Chicago, tia komisiono sukcesis forigi minacintan strikon, kiu estus malutilinta grave al la ekonomia vivo de la lando. El « dokumentoj de la progreso ».

Trad. Fr. Fl.

∴ *Artefaritaj nutraĵoj.* — Ankaŭ ĉirkaŭ ok jaroj oni legis en la gazetoj, ke la fama kemiisto Em. Fischer en Berlino sukcesis, fabriki albuminsimilajn substancojn, kiuj estas digestataj de la stomaka suko kaj eĉ, pri kio speciale povus ĝoji la kuiristinoj, povas esti neĝigataj. Fanfaronaj raportoj ne mankis, kaj oni jam revis pri artefarita albumino, kiun ni povus aĉeti por malmulte da mono anstataŭ viando, ovoj kaj lakto. Oni ne ĝoju; ni ne estas tiel proksime al tia solvo.

Alia demando estas la arta nutrado en rekte per albumino, sed per la devenaĵoj de albumino. Oni povas nun rigardi la problemon de la fabrikado de nutraĵoj kiel solvatan de Emil Abderhalden. Ĉi tiu sciencisto trovis, ke la albumino mem ne estas absolute necesa por la nutrado, sed ke oni povas ĝin anstataŭigi per albuminaĵoj sen risko malutili al la bonfarto. Li provis ĝin kun hundoj kaj plene sukcesis. Li trovis, ke kelkaj albuminaĵoj estas necesaj, aliaj ne. Miksante la necesajn, li trovis miksaĵon kiu rilate al la nutrado havis la saman efikon kiel la natura nutrado. Kun tiuj eltrovaĵoj la problemo de arta nutrado povas esti rigardata kiel solvita. — El M. N. N., trad. F. F.

∴ *Monda librindustrio.* — En Germanujo estas publikigita tre interesa statistiko de preseldonaĵoj.

En landoj kun Germana lingvo estas presitaj de 1901-1910 232.283 volumoj, en la sekvanta jardeko 288.532. En 1910 la plej riĉaj fakoj estis: porinfanaj kaj lernolibroj 4.273, belarta literaturo 4.029, leĝo kaj sociaj sciencoj 2.670, teologio 2.495. La nombro de Germanaj ĵurnaloj en 1902 estis 5.545, sed en 1912 jam 6.178.

Grandan kreskadon de librindustrio ni vidas en Anglujo kaj en Usono. En la unua de 6.011 en 1901 ĝis 10.804 en 1910, en la dua de 8.411 en 1901 ĝis 13.470 en 1910. En kelkaj landoj la nombro de presataj libroj malgrandiĝas. En Belgujo de 2.824 en 1901 ĝis 2.749 en 1910, en Danujo de 3.519 en 1908 ĝis 3.305 en 1911, en Francujo de 13.053 en 1901 ĝis 12.615 en 1910.

Por observi la kulturan influon de Germanujo je aliaj landoj, estas interesaj jenaj ciferoj: en 1910 estis eksportataj el Germanujo en Aŭstrion-Hungarujon libroj por 20.849 miloj da markoj, en Svisujon por 6.841, en Rusujon por 4.827, en Usonon por 3.373, en Francujon por 2.544, en Britujon por 1.516, en Italujon por 992, en Japanujon por 818, en Hispanujon por 189 miloj de markoj.

(D. V., Del. Homel).

∴ *Statistiko pri la franca komerco.* — Dum la unua kvaronjaro de 1912, importoj atingis 831.521.200 Sm., eksportoj 605.122.800 Sm., tiel importoj plimalgrandiĝis 93.336.800 Sm., kaj la eksportoj pligrandiĝis je 30.352 Sm., kompare kun la unua kvaronjaro de 1911. Diferencoj estas dum kvaronjaro Januaro-Marto 1912, en ĉiu kategorio: importoj, grandigo de 785.800 Sm., pri la fabrikitaj objektoj, malgrandigo de 66.919.200 Sm. pri nutraĵaj objektoj kaj de 34.670.400 Sm., pri necesaj materioj por industrio — eksportoj grandigo de 19.800.000 Sm., pri fabrikitaj objektoj, de 4.105.600 Sm., pri nutraĵaj objektoj, de 3.963.200 Sm., pri necesaj materioj por industrio, de 2.424.000 Sm., pri poŝtaj paketoj.

Max Roub.

∴ *Gazetlegado en la lernejo.* — Kiel novan fakon oni enkondukis en Danzig en la lecionaron de la lernejoj la legadon de ĉiutaga gazeto. La rezultatoj estas tre kontentigaj. En la leciono de historio kaj geografio oni priparolas la okazantaĵojn de la nuntempa historio, militoj, parlamentaj paroladoj, mortoj de eminentuloj, katastrofoj kaj iliaj kaŭzoj, sciencaj eltrovaĵoj, elpensaĵoj. Ankaŭ la borskursoj, la falo kaj malfalo de la manĝaĵprezoj estas pritraktataj kaj oni esperas, ke tiel la lernantoj havas pli da intereso dum la lecionoj kaj pli da profitoj por la praktiva vivo. — F. F.

## LITERATURA PAĜO

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

*E. Ĉefeĉ.* — **Pluaj argumentoj** por pruvi, ke la teorio laŭ kiu *la radikoj en Esperanto havas gramatikan karakteron* konstraŭ staras la intencojn de la Fundamento.

*Doktoro Panel.* — **Studo pri la vortfarado de Esperanto.** Rouen, presejo A. Blondel.

La nova verketo de S-ro Ĉefeĉ daŭrigas kaj plenigas lian antaŭan libron « La Elementoj kaj la Vortfarado », kiun mi recenzis en « Esperanto » de 5 majo 1911.

La studo de D-ro Panel aperis en *Normanda Stelo* (1911-1912). Tiujn ambaŭ verkojn mi konsideras tre gravaj, ne nur pro la sperto kaj konscienca laborado kaj meditado de la aŭtoroj, sed ankaŭ ĉar ilin instigis kaj iniciatis ne aprioria erara plibonigemeco, sed profunda kaj delikata analizo de la fundamentaj principoj kaj elementoj de Esperanto.

Ilin mi ne volas detale analizi ; mi nur submetos al la legantoj kelkajn pripensojn, kiujn al mi sugestiis la atenta legado de ambaŭ verkoj. Tre saĝe kondutis D-ro Zamenhof ne fiksante gramatikan karakteron de la radikoj kaj dirante simple : aldonante o al radiko, oni ricevas substantivon ; aldonante a, oni ricevas adjektivon, ktp. Tiu farmaniero estas la sola pri kiu ĉiuj bonvolaj — ne tro teoriemuloj — esperantistoj povas akordiĝi.

Tuj kiam diversaj sciencistoj enmiksiĝas en la aferon kaj entreprenas pruvi, ke la radikoj havas gramatikan karakteron, t. e., ke ili estas subtantivaj, aŭ adjektivaj, aŭ verbaj, tuj kontraŭleviĝas aliaj sciencistoj, kiuj diras — kaj mi opinias, ke ili estas pravaj. — « La radikoj en Esperanto ne havas gramatikan karakteron ! Se la Akademio akceptos tiun teorion kaj provos ĝin fari deviga, ĝi endanĝerigos la lingvon per starigo de malutilaj reguloj de derivado. Aŭ, pli kredeble, la Esperantistaro malobeos (kiel jam okazis !) kaj pro tio la Akademio perdos ankoraŭ iom pli de sia morala aŭtoritateco. »

Ni lasu do al nia lingvo ĝian fleksebleco n, elastecon kaj liberecon. Kiel tiel ofte ripetadis D-ro Z..., *ni ne enkateniĝu nian lingvon.* Ĝi similas vivaĵon ; ni ne ĝin similigu al precizega scienca mekanikaĵo, kiun oni ekmovas premante sur butonon. La malbono de tiaj aparatoj estas ke, pro ilia ĝustfariteco, unu polvero sufiĉas por ilin haltigi kaj nur specialisto kapablas ilin ripari por nelongtempa plua funkciado. Tia lingvo fariĝus baldaŭ, laŭ la trafa esprimo de S-ro Ĉefeĉ, *ludpilko* en la manoj de la scienculoj, ĝi ne plu taŭgus por la popolo.

Estas nur unu metodo por ellerni Esperanton : unue trastudi la Fundamenton, due tralegi la verkojn de nia majstro kaj de la jam klasikaj verkistoj. Nur tiamaniere oni povas akiri la propran spiriton de nia lingvo, tute ne rompante al si la kapon super la plej ŝajnbonaj reguloj pri derivado.

Eĉ la divido, kiun proponas aŭ akceptas S-ro Ĉefeĉ, de la radikoj en abstraktaj kaj konkretaj, estas tre diskutebla kaj dubinda. Oni rajtas aserti, ke ĉiuj esperantaj radikoj (krom la propraj nomoj) estas *abstraktaj*. Ekz. *ĉeval* montras neniun ĉevalon nek ĉiujn ĉevalojn, sed nur la komunajn karakterojn (do abstraktaĵon) de ĉiuj ĉevaloj. La sama radiko aperas al mia spirito, laŭ la esprimataj ideoj, jen kiel verbo, jen kiel substantivo, jen kiel adjektivo. Ekz. viv- (ĉu vivo, vivi, viva ?) Tre malfacile oni povas distingi agon kaj eston : pravi (agi prave, esti prava) ; hipokriti (agi hipokrite, esti hipokrita). Ne reguloj pri derivado, sed nur la kunteksto, en Esperanto kiel en ceteraj lingvoj ebligas, ke oni limigu la ĝustan sencon de vorto. Nur en la frazo aŭ frazero plenvivas ia radiko. Ankoraŭ tro multaj esperantistoj emas konsideri la vortojn sendependaj, memstaraj estaĵoj, kaj tio ilin enkondukas en malĝustajn teoriojn aŭ aldonon de senutilaj sufiksoj.

En tiu punkto nia Esperanto multe superas la ceterajn lingvojn ; ĉar ĝia simpla afiksaro precizigas ĝis alta grado (ne plene) la sencon de multaj eĉ izolaj vortoj. Donante al ĉiu vorto, per reguloj de derivado, plenan absolutan sencon, ni necesigus malutilan enkondukon de multaj novaj sufiksoj, nia lingvo fariĝus peza kaj pedanta. Hodiaŭ vigla facilmova muskola nerva atleto, morgaŭ ĝi fariĝus supersatigita dikkorpulo preskaŭ malkapabla sin ekmovi pro trograsiĝado.

Ne estas tie ĉi la konvena loko por pli detale diskuti la tutan demandon, kaj eble mi jam trouzis la paciencon de la leganto. Mi nur diros, ke la konkludojn de D-ro Panel mi trovas tute prudentaj kaj akceptindaj :

« La vortoj de Esperanto fabrikiĝas per *radikoj, finiĝoj, afiksoj.* — La *radikoj* havas en si mem neniun karakteron gramatikan. Ili estas nek substantivoj abstraktaj aŭ konkretaj, nek adjektivoj, nek verboj transiraj aŭ ne-transiraj. Ili alportas en la vorton nur la *signifon ;* tio estas, la ideo kiun ni ligas kun ĉiu simbolo, kun ĉiu kerno da vorto. — La *finiĝoj* gramatikaj alportas la *karakteron*, ili kreas vortojn, kiuj estas substantivoj, adjektivoj, verboj, k. t. p. — La *afiksoj* alportas la *specialecon*, ili donas al la vorto kvaliton ĉu objektan ĉu pensan ĉu agan, ktp. — La specialecon oni ne ĉiam bezonas montri per afiksoj, ĉar plej ofte la signifo de la radiko aŭ la kunteksto sufiĉas por eligi ĉiun dubon. — Oni neniam devas konsideri vorton izolitan, ekster ĝie normala sidejo en teksto. »

Tiujn principojn ĉiam sekvis — pro intuitiva lingvistika sento — Zamenhof kaj la plej bonaj esperantistaj verkistoj. Ĉu tio ne estas sufiĉega pruvo de la altvaloro de la Fundamento ? Sed, kiel skribis Zamenhof mem « mi scias la inklinon de la plimulto da homoj rigardi aferon kun des pli da estimego, ju pli ĝi estas komplikita, ampleksa kaj malfacile-digestebla. Tiaj personoj, ekvidinte la malgrandegan lernolibron kun plej simplaj kaj por ĉiu plej kompreneblaj reguloj, povas preni la aferon kun ia malestima malŝato, dum ĝuste la atingo de tiu ĉi simpleco kaj mallongeco, la alkonduko de ĉiu objekto el la formoj komplikitaj, el kiuj ili naskiĝis, al la formoj plej facilaj — prezentis la plej malfacilan parton de la laboro. » (Fund. Krest.. p. 245.)

**Antaŭen kun kredo** ! Literatura jarlibro de « Pola esperantisto por 1911. Varsovio, eldono de Jan Günther (204 paĝ.). Prezo : 1 Sm.

Tre interesa estas tiu kolekto de 12 tradukoj kun antaŭ- kaj post parolo de St. A. Dobrzanski. Ĉar la tradukintoj estas diversaj, diversa ankoraŭ estos la valoro de la tradukitaj pecoj. Mi ŝatis la du originalajn artikolojn de S-ro Dobrzanski : *Historiozofio de Lingvo internacia* kaj *Al mokantoj.* El la tradukaĵoj estas precipe rekomendindaj : *mia poŝhorloĝo*, perfekte tradukita de K. Bein, — *Libroj de profetoj*, filozofiaj poezioj de l'fama pola poeto-pensisto A. Lange, lertege esperantigitaj de alia majstro A. Grabowski : « Homo progresema, ĉiuflanke instruita, kiu vere povas diri pri si : *Nihil humani a me alienum puto* (ĉio homa devas esti mia), — Antoni Lange estas unu el la ĝis nun tre malmultaj polaj literaturistoj, kiuj ne nur komprenis la grandan ideon de Esperanto, sed mem lernis nian lingvon kaj ĝin propagandas okaze en siaj artikoloj (A. Grabowski) ». A. Lange ĉarme tradukis el sanskrito la ĉarman legendon *Nalo kaj Damayanti*, kiun vi povos legi en : antaŭen kun kredo. Mi citos ankaŭ kiel stilan modelon : *Fabelo pri homo feliĉa* de Jerzy Zulawski, trad. M. Czerwinski.

Tie kaj tie mi bedaŭre notis kelkajn malaprobindajn vortojn, ekz. ekz. konkiri (4). destingi (124), torturi (117), disciplено (139), renverŝi (167), pianino (175). Sed la libro estas entute bona kaj havinda.

VERTO.

## EĤOJ DE LA OKA

**Internacia Studenta Kongreso en Krakovo.** — La kongreso aranĝita de la *Ĉiostudenta Asocio* estis multnombre vizitata de la diversnaciaj gestudentoj. Ĉeestis gekolegoj de la superaj kaj mezaj lernejoj el ĉi tiuj landoj : Bohemujo, Moravio, Galicio, Stirio, Hungario, Rusujo, Germanujo, Francujo, Bulgarujo, Anglujo. La plej multaj estis Ĉeĥoj kaj Poloj. Oni aranĝis kvar kunvenojn. Post la festvespero en Malnova Teatro kunvenis gestudentoj multnombre por interkonatiĝo. La unua *labora* kunsido okazis 13./8. antaŭtagmeze (de la 9-a-12-a horo) en Komerca Akademio. Je la nomo de Ĉiostudenta Asocio malfermis la kongreson ĝeneralsekretario S-ro Mareŝ, kiu per mallonga parolado klarigis celon kaj taskon de la kongreso kaj post tralego de letero de S-ro Luis Carlos, prezidanto de Ĉ. A. li proponis elekti dumkongresan prezidantaron. Laŭ lia propono ĝi estis elektata jene : Prezidanto, Wl. Giercuszkiewicz (Polo), vicprezidanto Y. Mareŝ (Ĉeĥo), sekretarioj Iv. Krestanof (Bulgaro) kaj H. Perl (Germano).

La programo proponita de kol. Mareŝ en Kongresa Bulteno estas kun negrava aldono aprobita.

Delegitoj de studentaj societoj salutas la kongreson. Pri la « praktikaj bezonoj » de la esperantista studentaro longe kaj interesplene paroladas kol. J. Medrkiewicz el Lodz kaj « pri organizajo gestudenta » kol. E. Loth el Lausanne. Ambaŭ kolegoj rekomendas fondi unu centron studentan. Post la paroladoj estas longe kaj tre vigle diskutate, nome inter kolegoj : Giercuszkiewicz, Mareŝ, Krestanof, Perl, Loth, Medrkiewicz, Tarnow, Koĥ, Haltmar, Litauer, Gerwicz k. a. Ĉar oni ne povas atingi ian ajn decidon, la prezidanto interrompas pro manko da tempo la diskutadon kaj kun konsento de la ĉeestantoj prokrastas la sekvantajn paroladojn por la tria kunsido.

Tiu ĉi kunveno estis ankoraŭ pli multe vizitata ol la dua. La protokolo de la antaŭa kunsido estas aprobita. La prezidanto resumas paroladojn kaj proponojn de kol. Loth kaj Medrkiewicz, kaj anoncas, ke kol. Haltmar pro diversaj kaŭzoj forlasas sian paroladon. Anstataŭ neĉeestanta kol. Hromada el Praha tralegas kol. Mareŝ resumon de lia parolado : « Centra organizajo de la studentoj ». Kol. Mareŝ transdonas sian paroladon pri « Universala Studenta Asocio » al kol. Litauer el Varsovio, kiu entuziasme parolas pri la fondo de studenta fako de U. E. A. kaj rekomendas ne fondi novan asocion, sed aliĝi al ĉi tiu fako. Multaj kolegoj estas kontraŭ, akcentante la plialtigon de kotizajo. Oni multe diskutas sen ia rezultato. Por fini la disputadon kol. Mareŝ proponas voĉdoni, ĉu fondi novan studentan centron, aŭ studentan fakon de U. E. A., akcentante, ke necesa estas kunlaborado de *ĉiuj* studentaj societoj kaj ke, en okazo de fondo de la nova centro aŭ studenta fako ŝanĝiĝos Ĉiostudenta Asocio en societon de progresema junularo por ne konkuri kun nova studenta organizajo. La prezidanto proponas prokrasti ĉi tiun decidon al kvara kunsido, kaj interkonsenti antaŭe kun S-ro Hodler ; oni aprobas. Post la kunveno manifestis gestudentoj multnombre antaŭ la monumento de Kopernik en la korto de la malnova universitato. La studentkongresanoj metis grandan kronon el floroj ĉe la monumento kaj estis komune fotografataj.

Lasta kunveno ne faris ian definitivan decidon pro malmulto da ĉeestintoj. Estis aprobate post la kongreso enkete diskutadi la aferon en esperantaj gazetoj. Dum la estonta kongreso esperantista estu kunvokota granda gestudenta kongreso, kaj se la studentaro estos tiel forta por vivteni sian propran organizajon kaj gazeton, estu fondota fine la centra studenta organizajo. Se ne, ni helpu intencojn de U. E. A. pri tiu ĉi afero. Por komence oni rekomendas al gekolegoj aliĝi al studenta fako de U. E. A., sub la nomo *Universala Studenta Asocio* jus fondita.

Ĉiujn informojn pri la kongreso donas kol. Joŝa Mareŝ en Luhaĉovice (Moravio-Aŭstrio). Respondkuponon por respondo ! — Wonon.

**La Akceptaj Tagoj en Wien.** — La invito de Vienaj Esperantistoj, viziti la aŭstrian metropolon antaŭ la VIII-a kongreso en Krakovo havis plenan sukceson. Multaj samideanoj alvenis Vienon, travivis gajajn tagojn kaj helpis multe, tre multe al la Esperantistaro en Vieno dum la propaganda aranĝo, alportante al Vieno novan tre gravan sukcesplenan rimedon. La propaganda vespero alportis unuan fojon al ni la grandan helpon, t. e., la viziton de la redaktoroj de ĉiuj gravaj gazetoj en Vieno, kiuj detale kaj tre efike raportis pri la vespero kaj Esperanto. Inter la gastoj oni salutis S-rojn prof. Bourlet, Bricard, Cotton, kaj ĉf. inĝ. Rollet de l'Isle, Boltz el Parizo, Adams, Bolingbroke Mudie el Londono, D-ron Stromboli el Ĝenova, Sabadell el Barcelona D-ron Kandt el Germanujo, kaj multajn aliajn tre ŝatindajn gastojn.

Vendrede alvenis karavano de U. E. A. gvidita de S-roj Poncet kaj Génermont. En la granda halo de Westbahnhof (Okcidenta Stacidomo) okazis grava kunveno. En la nomo de Aŭstrianoj parolis redaktoro J. Schrœder, prof. J. Glück, direktoro A. Macho. Dek diversnaciaj reprezentantoj koregе dankis kaj salutis la ĉeestantaron. La esperantaj paroladoj multe efikis je la esperanta kaj neesperanta aŭdantaro. Venontan tagon, la gazetaro publikigis interesajn artikolojn pri Esperanto kaj esperanta vespero, tial la tago de 10-a de Aŭgusto havas por Viena esperanta movado specialan signifon. Ne nur ni gajnis la publikon, la sed eksterlandanoj komprenis per la multnombra ĉeestado interesiĝi ankaŭ la urbestraron de l'imperiestra rezidejurbo, kiu bedaŭrinde ĝis nun kontraŭstaris nian movadon, sed de ĉi tiu tago dank'al sukceso de l'aranĝo ŝanĝis la opinion salutante tre ĝentile la fremdajn samideanojn, dezirante al ili agrablan restadon en Vieno.

Sabate estis ekskursoj. La urbestraro donis ordonon gvidi speciale la gegastojn tra la grandega urbdomo, la regnestraro permesis viziti la faman, mondkonatan, grandan sanatorion por nervmalsanuloj Steinhof. La estro prof. Dr. Richter kaj la asistantaj kuracistoj akceptis la Esperantistojn, klarigis dum kelkaj horoj tre detale la internan aranĝon de ĉi tiu grandioza instituto. En la urbdoma salono por la kunsidoj de l'urba konsilantaro S-ro prof. J. Glück dankis publike por ĉiuj oficialaj helpoj kaj por la fervora letero de l'urbestro Dr. Porzer. La elektra tramvojo disponigis al la gastoj du luksajn salonajn tramveturilojn.

La belaj tagoj forpasis. En Vieno nun komencas fervora, granda laboro. Se ni havos sukceson, ni ŝuldos ĉiaman sinceran dankon al niaj karaj gastoj, kiuj akceptis nian modestan inviton, nian modestan akcepton. Al ili apartenas nia korega danko, ĉar ili helpis antaŭenpuŝi en la metropolo de Aŭstrio nian karan aferon. — P-ro J. Glück.

## ONI KONGRESAS

**Unua Brazila Kongreso de U. E. A.** — La unua brazila distrikta kunveno okazinta en 6-7-8 de julio, aspektis vera kongreso pro la bone aranĝitaj festoj. Jam en la prepara kunsido multaj geesperantianoj atendis en la salono de Societo Geografia de Rio de Janeiro, afable cedita por la kongreseto, de nia nova kaj varma kunbatalanto D-ro José Boiteux. S-ro Querino de Oliveira salutis la ĉeestantojn, malfermis la preparan kunsidon kaj donis la parolon al S-ro Fanzeres, kiu prezentis la raporton de l'organiza komisiono kaj legis la salutajn telegramojn. Oni elektis la kongresan komisionon jene : Honora Prez. Barono Homem de Mello, Prez. D-ro Everardo Backeuser, 1ª Vic-Prez. D-ro A. Couto Fernandes, 2ª Vic-Prez. Majoro L. das Trinas. 1º Sekr. Inĝ. Motta Mendes, 2ª Sekr. D-ro J. Boiteux. Oni organizis la tagordojn, kies precipaj aferoj diskutotaj estis : la rimedo por plibone fari propagandon de U. E. A. en Brazilujo ; ĝia divido en pluraj distriktoj kaj ĝia propagando per U. E. A. Je la 8ª h. nokte lia moŝto Barono Homem de Mello (grava scienculo, prezidanto de Societo Geografia de Rio de Janeiro) malfermis la solenan kunsidon kaj donis la parolon al 1-a sekr. inĝ. Motta Mendes, kiu legis la raporton prezentitan de la D. Del. S-ro Querino de Oliveira. Sekvis la salutadoj (en esperanto) al la kongreso. D-ro J. Boiteux salutis je nomo de l'esperantistoj de Ŝtato Sankta Catharina, inĝ. Motta Mendes je nomo de Brazila Esp. Klubo de Asocio de Kristanaj Junuloj ; S-ro Q. de Oliveira je nomo de D-ro Sœndahl, Del. de U. E. A. (norda Brazilujo) ; S-ro Vellozo je nomo de S-ro Thierack, Del. en Rio Grande do Sul, S-ro Alekso Fanzeres, Vic. D. Del. de U. E. A. kaj aliaj. Laŭ invito de Barono Homem de Mello, D-ro Mello Souza, anstataŭanta la oficialan oratoron (kiu forestis pro malsano) paroladis pri nia asocio kaj

ĝiaj servoj jam faritaj en nia lando. Inter aliaj, li citis la alvenon de du rusaj junuloj, kiuj pere de U. E. A., jam bone profitis (Jozefo Michuluviĉ kaj Arno Howard, tiu S-ro estas nun oficisto ĉe komisiono por protektado de l'sovaĝuloj en *Cuyaba* (ŝtato Matto Grosso), la alia estas bienposedanto).

Sekvis D-ro Ev. Backeuser, la unua propagandisto de U. E. A. en Brazilujo, kiu faris elokventan paroladon kaj salutis la esperantistajn virinojn kaj speciale nian sindoneman kunbatalantinon F-inon Julia Fernandes. Salutis ankaŭ (letere) S-ro H. Hodler, fondinto de U. E. A., kaj fine Barono Homem de Mello. Tiuj salutoj elvokis grandan aplaŭdon.

Dimanĉon la katolikaj Esperantianoj ĉeestis la diservon faritan de Pastro Antonio d'Agosto en ĉefpreĝejo S. Sakramento. Oni aŭdis belajn kantojn en Esperanto. Je la 11-a horo okazis la matenmanĝo ĉe Rotisserie Sportman. Partoprenis 38 esperantianoj ĉiam gajaj kaj babilemaj. Eble ne ĉiuj kongresanoj iris al tiu bela kunveno pro la devigo paroli nur esperante, kaj ili ne estas ankoraŭ sufiĉe lertaj por tio! Oni faris fotografaĵon kaj multajn tostojn. La tablo estis ĉarmege ornamita de amaso da floroj, esperantaj flagetoj kaj ĉirkaŭita de belaj fraŭlinoj. Dum la deserto paroladis: D-ro Couto Fernandes; D-ro Venancio da Silva salutis S-ro Q. de Oliveira kiu dankis; D-ro E. Backeuser faris honoran toston al S-ro H. Hodler.

Poste oni iris al « Cinema Avenida » dank'al afabla invito de S-ro Anchises Machado, ĝia direktanto. Tie jam atendis multaj aliaj kongresanoj. Oni ĝuis belan programon kaj sub grandega ĝojo estis vidata la portreto de nia kara majstro! Je la 2 1/2 h. alvenis la elektraj tramoj por konduki la kongresanojn al la belega parko Boa Vista, kie oni disdonis bombonojn kaj flagetojn al ĉiuj. Tiu promeno altiris la atenton de la publiko en la parko, kiu estas la plej bela loko por dimanĉa promenado de la Rianoj. Oni dancis, aŭdis la himnon kaj fotografis.

Je la 8-a nokte okazis la labora kunsido prezidata de D-ro E. Backeuser. Kelkaj gravaj aferoj estis diskutataj. La baloto por distriktaj delegitoj estis farata, laŭ regularo. Estis akceptata la propono dividi la landon laŭ 3 distriktoj. Ĉar la elektitaj delegitoj por suda kaj centra Brazilujo ne povis akcepti tiun rolon, oni decidis, ke en la nuna stato de Esperanto en nia lando, sufiĉas 2 distriktaj Delegitoj. Estas do elektita por Norda Brazilujo S-ro D-ro Magnus Sœndahl (inĝ. inspektoro de Terkulturo en ŝtato Bahia). Oni aprobis la daŭrigon de S-ro Querino de Oliveira kiel D. delegito en Centra Brazilujo kaj provizore en Suda. La sekvantan tagon je la 1-a horo vespere okazis la 2-a labora kunsido. Ankoraŭ aliaj proponoj estis pritraktataj koncerne la propagando de U. E. A. S-ro Fanzeres laŭ peto de S-ro Querino proponis la deziresprimon prezenti al la VIII-a Kongreso de Esperanto okazonta en Krakovo, la solidarecon de la brazila esperantianaro al la estraro de U. E. A. pri Organiza Demando. Tiu propono estis plene aprobata (precipe de l'Prez. de Brazila Ligo Esperantista: D-ro A. Couto Fernandes).

Dum la tritaga kongreseto la ĉeestantaj Delegitoj kunportis kajerojn de informpetiloj elpensitaj de D-ro Nuno Baena, por pruvi al la publiko la taŭgecon de l'servoj de nia Asocio. Je 8 h. 1/2 okazis la ferma kunsido ĉe la salono de la Asocio de komercoficistoj kaj estis plenigata per muzika, kanta kaj deklama parto, kiu estis tre multe ŝatata. Oni sinsekve aplaŭdis P-ron Lévy Costa, S-ron inĝ Motta Mendes, P-ron Humberto Milano, F-inon Avany Couto, S inon Nicia Silva, D-ron Mello Souza, P-ron E. Costa, D-ron Nuno Baena, kiu faris varmegan paroladon pri la servoj de U. E. A., ktp. La brazila esperantia estraro sin opinias fiera kalkuli en sia vico tiel lertajn kaj sindonemajn geartistojn, kaj dediĉas al ili koregajn dankojn. Fine de la kunveno oni kantis la Esperantan himnon, kaj S-ro Prez. de Brazila Ligo Esp. gratulis meze de longa aplaŭdado. S-ron Querino de Oliveira, la organizinton kaj D. Delegiton S-ro Querino dankis je sia nomo kaj por U. E. A. la valoran helpon donitan de la Brazila Ligo por la unua brazila distrikta kunveno, kiun oni nomis I-a brazila kongreseto de U. E. A.

**Elzasa Kongreso.** — Tiu kongreso devis esti samtempe jubilefesto de Esperanton kaj fondo de Ligo Elzasa Esperantista. Verdire mi estas nun ankoraŭ tute ĝojigita pri la plena sukceso de la esto, kaj kortuŝata pro la laboremeco montrita de niaj Mülhaŭsen'aj gesamideanoj kiel pri la fervoreco de la francaj Esperantianoj partoprenintaj en la kongreso.

Je l'alveno atendis nin ĉe la stacidomo en Mülhausen, Grupeto da samideanoj kaj inter ili S-roj *Baŭmann* kaj *Sonntag* la prezidanto kaj la unua sekretario de la Mülhaŭsen'a Esperantista grupo. Post kora manpremado, ni vizitis la urbon kaj promene iris al la festejo en la Zoologia ĝardeno.

Rakonti al vi la koran bonakcepton tie ricevitan kaj la fervoron je kiu La Espero estis kantata mi kredas ne estas necese. Nur ion mi ĉi-tie volas rimarkigi, tio estas la festprologo, poezieto ĉarmega je l'honoro de nia majstro. Ambaŭ la saluto de S-ro Baŭmann, festprezidanto, kaj la festparolado de S-ro Bœhringer iĝis ege aplaŭdataj, tute same kiel la salutoj portataj de la diversaj delegitoj al la kongreso.

Nun alvenis la fondo de la Ligo. Tio estis afero tute simpla ĉar estis ĝia fondo ekkonata kiel necesaĵo por propagandi Esperanton en Elzaso, ĉiuj konsentis pri ĝia fondo. La celo do de tiu ligo estas ĉefe propaganda kaj tio nur en Elzaso. Nur je unu momento okazis disputo inter S-roj Bœhringer kaj Schwartz pro malkompreno inter ambaŭ, sed ĝi estis baldaŭ kvietigata per solvo alportita al la malkonsento. Tiel oni nun alpasis al la elekto de la komitato. Ĝi konsistas por tiu ĉi jaro el: S-ro Baŭmann, prezidanto; S-ro Grillon, delegito de U. E. A. en Colmar, vic-prezidanto; S-ro Denninger, Mülhausen, sekretario. Plie la prezidantoj de ĉiuj Elzasaj societoj estas konsilantaj membroj de la komitato. La komitatanoj estos elektataj ĉiujare.

Posttagmeze estis amuza parto. Ege aplaŭdata estis la dirantino de « Per telefono » kaj la ludantoj de « Sinjoro Hercules ».

Fine, mi diros, ke certe ĉiuj ĉeestantoj neniam forgesos tiun tagon, kiu estas nun tiel grava en la historio de Esperanto en Elzaso. Mi diras bone en Elzaso, ĝi ne estas kiel unue projektata Elzasa Lotoringa Ligo.

Ekster Elzasaj societoj reprezentataj estis Basel, Montbéliard kaj Kehl-am-Rhein. — P. A. S.

**Itala Esperantista Kongreso.** — La 6. Aŭg. vespere post prezentado de S-ro Adv. Vaona prezidanto de Verona Esperanto Asocio, okazis tre aplaŭdita propaganda parolado de S-ro D-ro Stromboli, antaŭ multenombra publiko. Poste la publiko vizitis la ekspozicion, zorgeme aranĝitan de la loka komitato; en ĝi troviĝis kolekto da Esperantaj ĵurnaloj, lernolibroj, literaturaj verkoj, gvidlibroj propagandaj eldonaĵoj kaj multaj reklamiloj de esperantistaj komercfirmoj, reklamiloj, kiuj estis larĝe disdonataj al la vizitantoj. Tiu ekspozicio estis vizitebla dum la tuta tempo de l'kongreso.

Merkredon, okazis la akcepto de la aŭtoritatoj. Je la 10 oni inaŭguris la kongreson per parolado de S-ro Adv. Vaona, kiu nome de la Verona Esp.-Asocio salutis la aŭtoritatojn kaj la samideanaron kunvenintan en Verono el ĉiuj partoj de nia bela lando. Lin sekvis laŭvice S-roj D-ro Stromboli, Prez. de la Itala Esperanto-Asocio, D-ro A. Tellini por Bologna kaj portante la salutojn kaj la deziresprimojn de U. E. A., kiun li reprezentis kiel distrikta delegito por N. O. Italujo; Prof. Clavenna por Sampierdarena, Prof. D-ro Alessandro Vinay por Torre Pellice, prof. Spagnol por la Ĝenova unuiĝo, Moretti por Suzzara, Calza por la Esperantista Kooperativo en Ĝenova, pastro prof. Bianchini por la Friulaj samideanoj; kaj prof. Cossaro Demetrio, oficiala delegito de la Komunumoj Muggia kaj Capodistria komunikis la salutojn de la grupoj en Trieste kaj Istria, kaj legis la multajn aliĝojn alvenintajn al la komitato de l'kongreso.

Respondis D-ro Dalle Molle reprezentanto de la Provincestro, dankante kaj bondezirante al la sukceso de nia ideo kaj movado, poste S-ro Adv. Cattini por la Veron'a juĝantaro, promesinta sin interesi al la movado kaj aniĝi al nia Societo.

Posttagmeze, oni malfermis la kunsidon kaj parolis ankoraŭ S-ro D-ro Stromboli, elektita kiel prezidanto de la kongreso (vicprezidantoj Pr. Vinay kaj Pr. Bianchini, sekretario Pr. Cossaro) pri la temo: « Esperanto en Italujo kaj Itala Esperanto-Asocio ». Ĉe la fino de lia aplaŭdita parolado kaj post mallongaj diskutoj, oni voĉdonis tagordon aprobantan la propagandajn metodojn de I. E. A., kaj esprimantan la deziron, ke ĉiuj italaj esperantistoj aliĝu al I. E. A.

Pri la dua temo « Esperantista movado en Friuli » parolis lia pastra moŝto Don Bianchini de Fontanafredda (Udine). La fino de lia parolado estis kronata de sincera aplaŭdo, kaj la kunveno esprimis al li kaj al la gazeto « Crociato » siajn gratulojn pro ilia fervora agado. Tuj poste oni forlasis la kunsidejojn, por iri viziti la monumentojn de l'Urbo.

Fine je la 19-a multaj el la kongresanoj kunvenis ĉe la restoracio de la stacidomo de Porto Nuova por frata vespermanĝo. Ne mankis la tostoj, per kiuj oni denove dankis la kunvenintajn samideanojn el multaj provincoj, kaj oni bondeziris al D-ro Stromboli, ke irante al Krakova kongreso, li digne reprezentu nian nacion, kiu, ni ĉiuj esperas, ne volos resti ankoraŭ longe, rilate al nia movado, en unu el la lastaj vicoj inter la civilizitaj landoj.

La matenon de l'8-a, ĵaŭdo, estis dediĉata al ekskurso sur la mirinda lago de Garda. Senutile diri, ke la amikeco regis sen kontrasto, kaj la horoj bedaŭrinde forflugis kiel en sonĝo !

Je la 16-a lasta kunsido, S-ro Cesare Liverani parolis pri la temo « Esperanto kaj siaj aplikadoj al komerco » al kiu rilato sekvis diskuto kaj voĉdono de oportuna tagordo.

Antaŭ ol fermi la kongreso la kunveno aklamis Bologna'n, la kleran Emilian ĉefurbon, kiel sidejon de la IV-a itala esperantista kongreso en 1914, ĉar en 1913 niaj fortoj devas konverĝi nur al la bona sukceso de l'Internacia kongreso en Ĝenova.

Tiel finiĝis la III. kongreso de la Italaj esperantistoj, pri kiu, konkludis urba ĵurnalo, ni povas diri, ke ĝi certe ne estis malpli grava ol ni atendis, kaj multon pro ĝi gajnos sendube la Esperanta ideo en nia Verono. — A. R.

**Sveda Esperantista Kunveno.** — Samtempe kun la Olimpaj Ludoj, la svedaj esperantistoj havis en Stockholm kunvenojn por pritrakti komunajn aferojn. La kunvenoj estis tre vizitataj kaj ĉeestis reprezentantoj el kluboj de preskaŭ ĉiu parto de Svedujo La decidoj, kiujn ni faris dum nia kongreso, certe estos fruktportaj por la plua disvolviĝo de nia afero en Svedujo. Okaze de la Esperantistaj kunvenaj tagoj, estis aranĝita, precipe dank'al nia nelacigebla samideano Backman, publika ekspozicio esperantista, kiun la ĉiutaga gazetaro raportis per longaj, tre simpatie skribitaj artikoloj. Oni ankaŭ en la gazetoj priparolis niajn pritraktojn kaj ekskursojn, kiujn ni faris en la belajn ĉirkaŭaĵojn de la ĉefurbo.

Kiel prijuĝo ĝenerala de nia sukcesplena kongreso oni povas diri, ke, laŭ ŝajno, la multnombraj esperantistoj en Svedujo nun komencas reakiri sian iom perditan energion, kaj ke ni staras antaŭ nova, brila epoko por Esperanto en nia lando. — T. Rosengren.

**Londona Esperantista Federacio.** — La 6-an de julio okazis, en Harrow apud Londono, ĝia 5-a Konferenco. Krom lokaj kaj regionaj samideanoj ĉeestis diversaj alilanduloj, el kiuj franco kaj du germanoj parolis kaj tre efike helpis la aferon, kiu bone sukcesis kaj estis tre ĝuiga. Ĉe la vespera koncerto prezidis kolonelo Pollen, kaj ĉeestis ankaŭ S-ro H. B. Mudie Prezidanto de U. E. A. kaj de la Brita Esperantista Asocio. — H.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Milano* (Ital.). rondeto kun 15-anoj. — V. C.

En *Jurjevski Zavod* (Rusl.) la regularo de la Societo Esp. (fondita de nia Del, S-ro A. Krastin) estas konfirmita de S-ro Ekaterinoslava Guberniestro.

En *Varsovio* ekzistas ne oficiale, sed efektive, Esperantista Junulara Rondeto.

**Novaj kursoj.** — En *Milano*, la 2 de aŭg. ; direktas Prof. Vincente Colonnese.

En *Carcagente* (Hispan.) S-ro J. Iranzo, Del., ĉe la « Sociedad instructiva ».

En *Bukuresto* (Bulgar.) de la grupo « La Estonto » por liceaj lernantoj ; gvidas S-ro D. Constantinescu. — N.

En *Varsovio*, tri kursojn vizitas 50 personoj ; instruas S-roj Ser Vora kaj Lonkopolanski. —

En *Sabadell* (Hispan.) la Aplech. Esp. Grupo malfermis tri kursojn. — M. P. R.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — *Sabadell.* — La dimanĉon 14-an de Julio por rememorigi la XXV-au datrevenon de Esperanto okazis en tiu industria urbo gravaj festoj.

Matene je la Dekunua eliris el la urbodomo la urbkonsilantaro, societoj kun siaj standardoj, ĥoristaro kaj muzikistaro, manifestade por malkovri ŝtonon kiu ŝanĝigis la nomon de la strato « Ronda del Norte » por tiu de « Ronda D-ro Zamenhof ».

Dum la momento malkovri la ŝtonon faris tre afablajn paroladojn distingindaj esperantistoj poste la ĥoristaro akompanata de muzikistaro kantis la Esperon.

Posttagmeze ne reprezentis en natura teatro konstruita ĉe bela arbaron kiu estas nomata Can Feu dramo Mistero de Doloro antaŭ ol pli 5000 personoj kiuj restis mirigitaj pro la belsonaj vortoj de nia lingvo.

Vespere fariĝis en ĉarma societo la fino de tiu festo elmontrante per paroladoj la necesecon kiu ekzistas por lerni Esperanton kaj koni la diversajn aferojn de la tuta mondo.

Entute el la festo rezultis la plej granda sukceso ĝis hodiaŭ en tiu urbo kiun povos rakonti la organiza Komisiitaro, ni rememorigas al tiuj ĉi, ke ili ne laciĝu kaj daŭrigu sian laboron ĝis la fina triumfo.

En *Barcelono* (Hispan.) 21 julio, la societo « Paco kaj Amo » solenigis la 25-an datrevenon de Esperanto, per festeno en la restoracio « Buena Vista » en la Rabassada. Ĉiuj oratoroj fervore parolis por kaj per Esperanto. Gaja festo, dum kiu ne forgesata estis la propagando : oni ja disdonis al ĉiuj renkontatoj hispane verkitan broŝureton « Pro Esperanto ». La nova Komitato konsistas el : S-ro J. Carmona, Prez. ; M. Rotllan, V. Prez. ; J. Roig, sekr. ; aliaj anoj : S-roj A. Casas, K. Redondo, F-inoj D. Bosch, K. P. Campo, A. Vilaro kaj S-ro J. Paulet. —. R.

**Paroladoj.** — En *Sampierdarena* (Ital.) 22 julio, antaŭ multaj ĉeestantoj. S-ro Rondini pri U. E. A.

En *Krakov*, S-ro Gubrinsky, la 9. julio, pri la historia disvolviĝo de Esp. Ĉeestis 100 personoj.

En *Trojan* (Bulgar.) 8 julio S-ro P. Stojev, Sub-Del. kaj V. Bojakov Esp-iano, en urba lernejo, pri Esp. kaj U. E. A.; ekspozicio estis eldonita. — S.

**Esperantia distrikta kunveno.** — *Londono.* — Ĉe la monata kunveno de la Delegitoj por Londono, okazinta la 2. aŭg., S-ro Epstein, konsul-sekretario, legis raporton pri siaj agoj dum la pasintaj 6 semajnoj, kiu estis aklame akceptata. La jenaj personoj esprimis siajn dankojn al U. E. A. pro la helpo kaj konsilo, kiujn ili ricevis dum sia resto en Londono : D-ro Nitz (Kœnigsburg), Ges-roj Grosset, S-ro Nonin (Paris), F-ino Torrin (Nice), S-ro Edmanson (Melbourne).

La kunveno unuamine akceptis la jenan rezolucion :

« Leginte en *Esperanto* (No 127), sub la rubriko « Liberaj Vortoj » la diversajn elĉerpaĵojn el la libraĉo verkita de iu D-ro Smulders, ni, la kunvenintaj U. E. A. Delegitoj de Londono, ne povas kompreni kiel persono povas diri tiajn palpeblajn malveraĵojn pri nia Asocio. Spite la malicemaj mensogaĉoj, kiujn oni nuntempe disvastigas, ni sendas al S-ro Hodler kaj liaj helpantoj kaj al la Komitato de U. E. A. nian sinceran esprimon de konfido kaj lojaleco, kaj plue ni promesas daŭrigi nian fortan propagandon kaj plenumon de servoj al la Esperantistaro, kiel ni antaŭe faris. »

## DIVERSAĴOJ

.·. *Johan Martin Schleyer.* — Oni anoncas la morton de la kreinto de Volapük, Abato Johan Martin Schleyer, je la aĝo 81 jaroj. Abato Schleyer mortis en Konstanz (Germanujo) ; oni scias ke jam ofte malĝusta informo pri lia morto aperis en la gazetoj. Volapük aperis en 1881 kaj, estante la unua preta projekto delingvo

internacia, havis momentan grandan sukceson, kvankam oni multe trograndigis la nombron de la Volapük'anoj ; kunvenis tri kongresoj de Volapükistoj (la lasta en Parizo, 1887) kaj aperis sufiĉe multaj libroj kaj gazetoj en Volapük. Sed la malfacileco kaj malpraktikeco de la lingvo baldaŭ naskis deziron al reformoj, je kiuj kontraŭstaris la aŭtoro. Okazis internaj malpacoj kaj disputoj, kiuj havis kiel konsekvencon malfortigon de la movado, kiu baldaŭ disfalis (ĉirkaŭ 1890). Restis tamen ankoraŭ kelkaj malmultaj fideluloj, kaj ankoraŭ ĝis nun aperis tre modesta gazeto, sub la titolo « Volapukabled lezenodik ». Kvankam Abato Schleyer ne sukcesis en sia penado, oni devas tamen lin honori kiel unuan iniciatinton de praktika provo de lingvo internacia kaj kiel fervoran amikon de la homaro. Tion komprenis la lasta Esperantista Kongreso, kiu sub la propono D-ro Zamenhof, honoris la memoron de la elpensinto de Volapuk.

.˙. *Honorigo al Doktoro Zamenhof.* — Al la Katalunaj urboj, *Terrassa* kaj *Sabadell*, apartenas la honoro, ke ili la unuaj donis la nomon Zamenhof al unu el siaj placoj kaj stratoj. La urbo Terrassa, kiu estas kvazaŭ la industria brako de Barcelono, nomis « placon de Doktoro Zamenhof ». Ĝi estas la unua urba vojo, kiu glorigas nian movadon, gloriganta ĝian estron. La urbestro de Terrassa, S-ro Ulles oficiale komunikis la decidon al D-ro Zamenhof per Esperanto. En Sabadell larĝa nova strato havos la nomon de nia majstro. En la du diritaj urboj okazis ceremonio kaj festo por la inaŭguro de la nomtabulo. Niajn gratulojn al la progresemaj urbestraro de ambaŭ urboj !

.˙. *Lingva Komitato.* — La L. K., akceptis novan regularon per 16 voĉoj kontraŭ 4. Jen la ĉefaj punktoj de tiu regularo :

1. La Lingvokomitatanoj ne plu estas ĉiamaj, sed estas submetotaj al nova baloto ĉiun naŭan jaron ;

2. La kandidatoj al la Lingvo Komitato devos esti prezentataj de esperantistaj Societoj, de Lingvokomitatanoj aŭ de aliaj Esperantistaj Institucioj.

3. La anoj de la Lingva Komitato formas naciajn subkomitatojn, kies tasko estas helpi la propagandajn societojn por la organizo de la ekzamenoj kaj diplomoj, esplori la esperantajn verkojn aperantajn en la lando kaj raporti pri ili. Tiuj naciaj Komitatôj anstataŭos, kun pli preciza kaj pli larĝa tasko, la studkomisiojn pri ĉiulanda esperanta verkaro, kiujn oni fondis post la Kongreso de Barcelono.

S-roj Baruel, Geyer kaj G. Stroele estas elektitaj L. K-anoj respektive per 33, 41 kaj 29 voĉoj el 55 voĉdonintoj.

La L. K., konsistas nun el 145 membroj, nome 27 por angla lingvo, 4 bohema, 1 dana, 2 finna, 3 flandra, 41 franca, 16 germana, 11 hispana, 3 holanda, 4 hungara, 1 islanda, 6 itala, 3 kataluna, 6 pola, 6 portugala, 1 rumana, 8 rusa, 2 sveda. — O. G.

.˙. *Monhelpoj.* — La Komerca Ĉambro de Nevers (Franc). voĉdonis por la Esp., Grupo monhelpon da 8 Sm. ne 4 Sm. kiel ni erare diris en N-o 128 (paĝ. 219).

.˙. *La Nova Testamento en Esperanto.* — La Brita kaj Eksterlanda Biblia Societo unuanime decidis presigi la Novan Testamenton en Esperanto. — B. E.

.˙. *Ĉekbanko Esperantista.* — Laŭ deziro de la germanaj kontuloj de la Ĉekbanko kaj por faciligo de iliaj rilatoj kun la Ĉekbanko, estas farita interkonsento inter la bankejo Gebr. Arnhold (Dresden) kaj la Ĉekbanko en London. Depost Marto 1912 la bankejo Gebr., Arnhold servas kiel korespondanto por Germanujo por la Ĉekbanko. La Germanaj konsuloj tiel povas per Gebr, Arnhold plialtigi aŭ malfermi konton en London, pagigi ĉekojn kaj transpagilojn en Dresden, aŭ tiri sumojn el sia havo en London. Ili tiel povas ŝpari poŝtelspezojn eksterlandajn, rapidigi la servojn kaj eviti kurzperdojn. La ĝisnunaj servoj kontentigis ĉiujn. — K. F.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *British Esperantist* (aŭg.). — ..... Ĉiu nacio, donante per Esperanto en la komunan vivon internacian la plej bonan el sia propra vivo, pliriĉigas kaj plinobligas la suman vivon kaj la kulturon de la mondo. En tiu pliriĉigo kaj plinobligo la Esperantaj gazetoj havas sian parteton, sian rolon. Tiun rolon ili povas plenumi nur se iliaj legantoj fervore kaj saĝe kunhelpas. Oni ne multe kunhelpas tradukante ian banalan rakonton el efemera amuz-gazeto, oni ne multe helpas, verkante patose entuziasman soneton pri la « kvinpinta stelo ». Sed oni helpas efektive, se, bone komprenante la idealon de nia afero, kaj la bezonojn kaj limojn de nia gazetaro oni sendas al ni artikolojn aŭ tradukojn konformajn al ambaŭ.

.˙. *Danlando* estas la nomo de la nova Esp. dana gazeto, al kiu ni deziras bonan sukceson. (Redakcio : 11 Strandgade, Kopenhago). Abono : 2 kr. (Danujo), 3 kr. (eksterlande).

.˙. *La Langue auxiliaire* (aŭg.). — Sub la titolo « Esperantista Penado » (franclingve), de H. Muffang :

« ..... Mi ne kredas, ke en la nuna stato de la publika opinio, la enkonduko de Esperanto en la lernejojn estas ebla, nek, ke parlamenta diskuto estas dezirinda. La ĉefa laboro konsistas nuntempe en la preparado de la publika opinio.

« Unue, prepari la publikan opinion organizante liberajn kursojn...

« Poste, prepari la publikan opinion, almilitante la grandajn gazetojn, ĝis nun malamikajn aŭ indiferentajn...

« Fine, prepari la publikan opinion uzante la admirindajn servojn de U. E. A. Komercistoj, turistoj, kolektistoj, sciencistoj, studentoj, aliĝante al U. E. A., vi povos havigi al vi fruktodonajn aŭ agrablajn informojn, kaj servi vian apartan intereson samtempe kun la ĝenerala. U. E. A. ne perdas tempon je vanaj teoriaj konsideroj. Ĝi limigas sian agadon je praktikaj celoj, por kiuj Esperanto estas nur rimedo. Labori je la disvolvo de U. E. A. estas nuntempe la plej bona maniero labori je la triumfo de Esperanto. La penado de la Esperantistoj devas celi al kreado de fakta stato, antaŭ kiu la registaroj nur devos kliniĝi.

.˙. *Pola Esperantisto* (aŭg.) publikigis interesan jubilean numeron, je kiu kunlaboris A. Grabowski, L. Belmont, B. Kuhl, kaj aliaj konataj polaj samideanoj.

.˙. *La Marto* (aŭg.) aperigis kongresnumeron, en kiu oni povas legi interesajn rakontojn pri la sep antaŭaj kongresoj.

.˙. *Sonorilo Elzasa* (julio), la nova gazeto por Elzaso, donas bonajn informojn pri la progresoj de nia afero en tiu regiono.

.˙. *Kuba Esperantisto* (junio) publikigis tre favoran artikolon pri U. E. A.

.˙. *La Du Steloj*, monata organo de la Ĉila Esp. Asocio, reaperas de januaro 1912, post kelktempa interrompo.

.˙. *L'Esperantiste Catholique* same reaperas.

.˙. Novaj gazetoj :

*Volga Stelo*, monata gazeto ruslingve.

*Lumo*, propaganda gazeto por bulgaroj.

*Panonio*, gazeto por sud-okcidenta Hungarujo.

*Zemuna Esperantisto*, organo de Kroataj Esperantistoj.

*Verda Stelo*, monata gazeto por la propagando en Venezuelo.

.˙. Okaze de la Ia *Brazila Kongreseto de U. E. A.*, multnombraj Brazilaj gazetoj longe raportis pri nia Asocio kaj la Kongresaj kunvenoj. Ni citu speciale *A Imprensa*, *A Noite*, *Jornal do Brasil*, *Folha do Dia*, *A Noticia*, *Le Brésil Economique*, *Diario de Noticias*, *O Paiz*, ktp. Niajn dankojn al ĉiuj tiuj gazetoj pro ilia valora apogo.

.˙. *En Belgujo.* — De post la Antverpena kongreso oni povas facile rimarki, ke la belga gazetaro fariĝas pli favora al Esperanto.

1° *La Dernière Heure* (politika gazeto) sub la titolo « Un Opéra en Esperanto » sciigas al sia legantaro, ke Esperanto estas unu el la plej bonaj lingvoj uzindaj kaj uzeblaj por poezio. (N° de la 22-a de Aŭg.).

2° *Le XXe Siècle* (politika gazeto) parolas pri la lasta Esperantista Katolika Kongreso en Budapest (N° de la 26-a de Aŭg.).

3ᵒ *Le Soir* (popola gazeto) donas kelkajn informojn pri la Kongreso en Krakovo sub la titolo tre bone donita : « Le Jubilé de l'Esperanto » (Nᵒ de la 3-a sept.).

.˙. *En Rusujo.* — *a)* En Nᵒ 170-171 de Semajna Gazeto « *Wolne Slowo* » (Libera Vorto) eldonata (en Varsovio) de S-ro Léo Belmont aperis du poresperantaj artikoloj de la eldonanto : « VIII Kongreso Esperantista Krakovo » kaj « Lingvo Internacia ». Tiuj artikoloj multe impresos ne esperantistojn.

*b)* En Nᵒ 7 (julio) de rusa multe disvastiĝinta ĵurnalo (pli ol 60.000 abonantoj) aperis artikolo de V. L. : « Okaze de 25-jara Jubileo de Esperanto » tre forte skribita. — A. Koh.

.˙. *En Polujo.* — La Oka kaŭzis en la pola gazetaro viglan diskutadon. « *Zloty Rog* » presis artikolon pri L. I. Ankaŭ « Swiat », kiu antaŭe estis malfavora, nun dediĉas duonon de Nᵒ al nia afero. Diskutado en « *Kurjer Warszawski* » ankoraŭ ne ĉesas. Ĝojige estas, ke oni diskutas serioze, sen antaŭa malŝatemo kaj ironio. — L. B.

.˙. En *Dokumente des Fortschritts* (Heft 10, 3. Jahr.), tre interesa artikolo de S-ro Prof. Christaller pri « Das technische Esperanto-Wœrterbuch » (La teknika Esperanto-vortaro).

.˙. *L'Avenir Dolois* (Dole, Franc.) ĉiusemajne akceptas propagandajn artikolon de S-ro Crèbely, Del.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Al la Delegitoj de U. E. A.

Dum septembro estos sendata al la Delegitoj *Oficiala Bulteno*, n-o 14, kiu rilatos precipe al la ĝenerala voĉdonado pri la financa reformo sekve de la proponoj de la Komitato, konfirmitaj per la deziresprimoj de la Kongreso (plialtigo de la kotizaĵo ĝis 1 Sm. ; starigo de garantia kapitalo ; forigo de aprobantoj.)

### Jarlibro U. E. A., 1913.

Ni jam de nun akceptas anoncojn por la venonta Oficiala Jarlibro. Por la jaro 1913 ni do povas garantii minimuman presadon de **10.000** ekzempleroj, sendotaj ĉiulanden. Estas do superflue rimarkigi, ke en tiaj kondiĉoj, tiu Jarlibro samtempe fariĝas grava reklamilo. Videblaj estas la profitoj, kiujn prezentas anoncado en tia disvastigata kaj uzata libreto. Ĉiuj negocistoj, komercistoj, eldonistoj aferistoj, k. a., kiuj deziras konigi siajn komercaĵojn eksterlanden en certa kaj daŭra maniero estas do instigataj kiel eble plej baldaŭ sendi anoncon por la Jarlibro de 1913, laŭ la subaj prezoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 paĝo | 20 » *Sm.* | (50 » frankoj) |
| 1/2 paĝo | 10 » *Sm.* | (25 » frankoj) |
| 1/4 paĝo | 5 » *Sm.* | (12,50 frankoj) |
| 1/10 paĝo | 2,50 *Sm.* | ( 6,25 frankoj) |
| du linioj | 0,80 *Sm.* | ( 2 » frankoj) |

Rabato da 10 0/0 por Esperantiaj Entreprenoj.

La formato de unu paĝo estas 11ᶜᵐ 1/2× 16ᶜᵐ 1/2

Oni estas petata sendi la tekston de la anonco, tre legeble skribitan, kiel eble plej baldaŭ kaj nepre **antaŭ la 20 novembro 1912.** (La anoncoj devas esti akompanataj de la responda monvaloro per mandato, ĉeko, bankbiletoj, respondkuponoj). Kliŝaĵoj estas akceptataj kaj estos resendataj post uzo.

### Kongresa Dokumentaro.

La Kongresa Dokumentaro de la III-a Kongreso de U. E. A., aperos dum oktobro. Ĝi enhavos la plenan tekston de la raportoj kaj paroladoj protokolon de la kunvenoj kaj liston de la kongresanoj. Personoj, kiuj deziras ricevi tiun utilan dokumentaron kaj ne estas ankoraŭ kongresanoj aŭ helpkongresanoj, sendu 1 Sm. (Kotizaĵo de helpkongresano).

### Distriktoj.

Laŭ peto de la Delegitoj de Cuba, la Respubliko Cuba estas apartigata je la ĝisnuna distriko Antilioj kaj formos apartan distrikton, kies delegito estos baldaŭ balotata.

### Statistiko.

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monatoj julio kaj aŭgusto :

| | Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|---|
| Julio : | 1.423 | 162 | 1.953 |
| Aŭgusto : | 506 | 128 | 906 |

Tuta sumo : en julio : 3.238. Antaŭa monato : 2.253. Antaŭa jaro (sama monato) : 2.506.

Tuta sumo : en aŭgusto : 1.540. Antaŭa monato : 3.238. Antaŭa jaro (sama monato) : 1.778.

### Etato de la Esperantianoj.

Je la 5 Aŭgusto estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. 8.583 kotizaĵoj por 1912 (je la 1 a de aŭgusto 1911 : 7.456) + 194 subtenantoj.

Je la 5-an Septembro estas enkasigitaj 8.665 kotizaĵoj por 1912. (je la 1-a Septembro 1911 : 7.630) + 194 subtenantoj.

*Fakaj membroj :*

*Interŝanĝa Fako : 462* ; *Laborista Fako : 88* ; *Virina Fako : 132.*

### Subtenantaj membroj.

193. *Br. Radziminskij* (Zaporoĵie) ; 194 *V. Ludvik* (Vieno).

La Direktoro.

### Novaj Del., kaj Subdel.

Angoulême (Francujo, Charente). — D. : Armand Léaud, 10, rue Vauban.

Bautzen (Germanujo, Saksujo). — D. : Kart Christoph, komercisto, 23/IV, Holzmarkt.

Blankenburg (Germanujo, Harz). — D. : Walter Pfaff, 23, Michaelsteinerstr.

Chicago (Usono, Illinois). — D. : Bedrich K. Simonek, dentisto, 1.669, Blue Island Avenue.

Cienguita (Kubo, Cuba). — D. : Pablo A. Rosado, Abreus, S. C.

Elbing (Germanujo, Westpr.). — D. : Hermann Greff, ĥemiisto, 27/I Talstrasse.

Gloucester (Anglujo). — D. : Geo L. Preedy, komizo, Tweenbock Avenue.

Gommersheim (Germanujo, Bavarujo). — D. : Valentin Brauch.

Kamjenj-Bivolov (Azia, Rusujo, Primorskaja). — D. : Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro.

Kamiŝin (Rusujo, Saratov). — D. : Val. Polakov, Kraskaja, ul.

Kaposvar (Hungarujo, Somogy). — D. : Jozefne Aczej, burĝlerneja instruistino, 6. Honeved utca.

Kastornaja (Rusujo, Voronej). — D. : Dr. Aleks. L. Vejtcier, kuracisto, Jugo-Vostoĉn. ĝel. dor.

Kolomea (Aŭstrio, Galicio). — VD. : Ivan Jurczyn, poŝtoficisto, filial poŝt 21 Sobijskoko.

La-Rochelle-Pallice (Francujo). — SD. : Alfred Trotin, poŝtoficejo.

Loanda (Afriko, Angola). — D. : Ernesto da Maya, konduktoro de l'pontoj kaj vojoj, 53, Caixa.

London (Anglujo). - SD. : W. Alcorn, policano, 284, Merrw Str., Walworth.

Melilla (Hispanujo). — D. : Eugenio Calvo Blasco, militisto, 4-b. i. Miguel Zazo.

Navola P. O. (Aŭstralio, Fiji). D. : S-ino M. E. Bishop.

Orel (Rusujo). — D. : Boris Popov, oficisto, 27, Ĉerkasskaja.

Peŝtera (Bulgarujo). — D. : Dimitr Daskalov, studento, Kozarsko.

RABAT (Afriko, Maroko). — D. : Jean Sasy, librejisto, 53, r. El Gza.
RIESA (Germanujo, Saksujo). — D. : Prof. Dr. Hermann Goehl, reallernejestro.
STAVROPOL (Rusujo, Kaŭkazo). — D. : Aleksandro Zakrjevski, 29, str. Mavrinskaja.
SVZABADKA (Hungarujo). — D. : Jozefo Vary, 395, Zentai ut. sz.
SAINT-LOUIS (Usono, Mo.). — D. : Mojado Mariano, pastro, Christian Brothers College.
SAINT-REMY (Francujo, B-du-R). — D. : J. M. Deville, spicisto, rue Blancard ; VD. : J. Chabrier, oficisto, villa 30 ans.
TOUL (Francujo, M-et-M.). — D. : Léon Gervois, 20, rue du Ménin.

**Ŝanĝoj.**

AMIENS (Francujo, Somme). — D. : S-ro G. Poteau, reprezentado kaj komisio, 8, rue Alphonse Paillat.
ASTRAĤAN (Rusujo). — D. : E. Tiĥonov, Upravlenije Gssudarstvennnih Imusĉestro.
BERLIN (Germanujo). — DD. kaj D. : Ch. Sostmann, N. W. 87, 21-a Levetzowstr. I. Portal, Seise 1 r.
COVENTRY (Anglujo). — D. : A. G. Morgan, 26, Clarendon St. Earlsdon.
DANZIG (Germanujo). D. : S-ino A. Tuschinski, 1-a Vorst. Graben.
EKATERINODAR (Rusujo, Kaŭkazo). — D. : Ianverk, reprezentado kaj komisio, Karasuna, kanalo, 10.
HAAPALAHTI-ENO (Rusujo, Finlando, Karjala). — D. : Antti Raaty, instruisto.
LYSS (Svisujo, Bern). — D. : E. Scheurer, fabrikdirektor.
NARVA (Rusujo. — D. : J. Udrik, elektrikisto, Sukonaja Manufaktura 51-46, VD. : J. Kespert, kontoristo, Petrovskaja plosĉad, d. Abramovo, N-o 9 log. N 3 d.
SHANGHAI (Ĥinujo). — VD. : Lu Ŝi-Ĉin, 5, Peking Rd.

**Eksigoj** (pro nericevo de respondo je 2-a cito).
BOMBAY D. : S. R. Karnick.
ATENO. — Petro G. Douzinas.
NAPOLI D. : R. Bagnulo.

**Eksiĝoj** (pro forveturo aŭ alia kaŭzoj).
BARMEN (D. : Tarnow), BERLIN-NEUKOLLN antaŭe RIXDORF (D. : Pfaff), BURY (D. : Ingham), CHARLOTTENBURG (D. Winter), FIRMINY (D. : Leval) PONSANOOTH (SD. : Fairbairn), ROSTOV-N-DON (D. : Vejtcler), SMIRNA (D. : Missailidis), ZAGREB (D. : Stalzer).

### Novaj Esperantiaj Entreprenoj.

La listo de la novaj E. E. aperos en la venonta numero. Ni atentigas niajn Delegitojn, ke por la jaro 1913 la kotizaĵo por la Entreprenoj kun Esperantista karaktero ne plu estos 2 Sm., sed 3 Sm. Kompense tiuj Entreprenoj ricevas senpage la gazeton « Esperanto ». La kotizaĵo por la aliaj Entreprenoj (5 Sm.) restos la sama. De nun ĉiuj Entreprenoj estas enregistrataj jam por la jaro 1912-13. Niaj Delegitoj do povas jam komenci la revarbadon.

# PARKURBO ESPERANTO

La 8-an de Junio de tiu ĉi jaro en München estis fondata nova societo, nomita Propaganda Ligo *Parkurbo Esperanto*.

Tiu ĉi mirinda Societo nun estas okupata per grandioza entrepreno : ĝi alpaŝis al konstruado de..... Esperanta urbo ! Mi imagas, kian mirigitan vizaĝon faros miaj gelegantoj, kiam ili tralegos tiujn ĉi liniojn !... Sed ni tute ne intencas iun mirigi, kaj des malpli mi estas ema ŝerci. La afero, kiel ĉiuj grandaj aferoj, estas tute simpla : tre riĉa Münchena bankisto S-ro *Schuler* donis al la Propaganda Ligo pli ol unu milionon da kvadrataj metroj da tero, kiu troviĝas je 13 kilometroj de München, ĉe la bordoj de rivero *Würm*.

Kaj jen laŭ genia plano de nia fervora samideano S-ro Leopoldo Schlaf, la Münchena Esperantistaro fondis Propagandan Ligon, kies plej ĉefa tasko estas efektivigi la ideon de S-ro Schlaf pri la konstruado de Esperanta urbo, nomita *Parkurbo-Esperanto*.

Tiu ĉi admirinda afero ne estas ia utopio, aŭ neefektivigebla revo, sed jam fakto, ĉar nun oni okupas sin per la necesaj antaŭaj laboroj. La konata Münchena arkitekto S-ro Sievers preparis jam la detalan planon de la konstruota urbo (kies multaj kopioj estas disdonitaj al niaj samideanoj dum la Oka), kaj eĉ desegnojn de multaj komunaj konstruaĵoj, kiel ekzemple : teatro, kazino, lernejo, preĝejo, banejo k. t. p. Por la necesaj unuaj elspezoj Propaganda Ligo havas jam kapitalon da 2.000.000 markoj. La komercan fakon de la entrepreno gvidas energia S-ro Schlaf, kaj la teknikan — tre sperta arkitekto S-ro Sievers. En la vastega kaj bonege aranĝita oficejo de la *Parkurbo-Esperanto* (München, Pfandhausstr. 8), laboras ankoraŭ kelkaj spertaj geoficistoj, inter kiuj estas tri rusoj (S-roj Ejsenberg, Pogoda kaj Gureviĉ), kiuj ricevas la salajron de S-ro Schuler.

Ĝis nun laŭ la plano estas jam preparitaj 500 lokoj por la domoj kaj, se tiu ĉi nombro estos ne sufiĉa, la entreprenantoj havas provizore ankoraŭ grandan neokupitan spacon da tero, kiu ĉiutempe povas esti aligita al la tero, prezentita sur la plano. Kvardek pecoj jam estas venditaj al kelkaj diversnaciaj samideanoj. Por la konstruado de kelkaj komunaj konstruaĵoj (teatro, kazino, lernejo k. t. p.) multaj privataj entreprenantoj jam proponis siajn servojn, kaj la konstruado tuj mem povas esti komencata. La konstruota urbo nomiĝas *Parkurbo* pro tio, ke laŭ la ideo de la entreprenantoj, ĉiu aparta domo estos ĉirkaŭplantita per arboj, kaj tiamaniere ĝi estos garantiita kontraŭ fajro, kaj en ĝi ĉiam estos freŝa aero kaj agrabla malvarmeto dum la somero.

La Münchena Esperantistaro kunligis S-ron Schuler per la kontrakto, laŭ kiu li povas vendi pecojn kaj domojn de la estonta urbo nur al esperantistoj, aŭ al tiuj familioj, en kiuj almenaŭ unu ano devas esti esperantisto, — kaj por tio la Münchenaj Esperanto-societoj estas devigataj propagandi la ideon pri la *Parkurbo* inter la geesperantistaro de la tuta mondo.

Ĝis nun S-ro Schuler elspezis jam por tiu ĉi entrepreno tiel multe, ke li jam ne povas ne daŭrigi la aferon, kaj tiamaniere oni povas esti tute certa, ke post du-tri jaroj *Parkurbo-Esperanto* estos efektiviĝinta fakto, kaj ni havas plenan rajton esperi, ke tiu urbo fariĝos la centro de la tuta Esperanta movado, ĉefurbo de Esperantujo, en kiu koncentriĝos ĉio, kio tiamaniere rilatas al Esperanto kaj Esperantismo.

Inter multnombraj membroj de Propaganda Ligo estas jam kelkaj eminentuloj, kiel ekzemple honoraj membroj : Reĝa kortegano General-leŭtenanto von Belli de Pino ; Reĝa Kortegano Majoro Ludwig du Jarres Freihem von la Roche ; Barono Karl von Branca ; Baronino Roza von Karg-Bebenburg ; Grafo Josef Pestalozza ; Grafino Elsa Pestalozza ; Grafo Adolf Westarp k. t. p.

Ni tre longe estis en la oficejo de la *Parkurbo-Esperanto*, kaj la administrantaro tre afable kaj volonte donis al ni diversajn detalajn klarigojn pri la entrepreno, kaj la ĉefarkitekto S-ro Sievers eĉ donis al mi du ekzemplerojn de la granda plano de la estonta urbo kaj montris kelkajn detalajn desegnojn de la komunaj konstruaĵoj.

Jen, efektive, estas du grandiozaj entreprenoj, kiujn la tuta Esperanta mondo devas tutkore kaj ĝoje saluti, ĉar en nia esperanta movado ĝis nun ekzistis nenio, kio povus tiel forte antaŭenpuŝi nian aferon. Tutkoran amikan dankon meritas niaj energiaj kaj kuraĝaj samideanoj, dediĉintaj siajn ĉiujn fortojn por nia sankta afero.

Ne diru do, karaj gesamideanoj, ke tiu entrepreno estas nur ia neefektivigebla revo, ia utopio ? Ne kaj ne, — mil foje ne ! Vi vidas mem, ke la urbo estas jam konstruata kaj

post kelka tempo nia verda standardo gaje flirtos en nia propra urbo, en nia ĉefurbo de nia kara Esperantujo! Kaj nun de vi mem dependas ankoraŭ pli rapidigi la aferon per viaj aliĝoj al la Propaganda Ligo.

Aliĝu do, karaj gesamideanoj, aliĝu kiel eble plej multnombre des pli, ke la aliĝo estas tute senpaga : oni ja ne petas de vi ian materian, sed nur moralan subtenon, kiu iafoje signifas pli multe, ol mono, — kaj via devo, sankta devo estas doni al niaj energiaj samideanoj tiun moralan subtenon.

Aliĝu do senprokraste, sendube, kaj ekkriu kune kun ni : vivu Esperanto kaj ĝiaj pacaj batalantoj!

Por necesaj pli detalaj informoj oni petas sin turni al la Propaganda Ligo « Parkurbo-Esperanto », München, Pfandhausstr. 8.

N.-V. Devjatnin.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.˙. F-ino *Pothast* (Hago) dankas la samideanojn en Aachen, kaj precipe la Del. pro tiel afabla helpo dum restado.

.˙. S-ro *A. Koh* (Varsovio) dankas S-rojn V. Kraus kaj Ed. Kuhnl (Del. Praha), F-inon Gehre kaj S-rojn Ellersiek, F. Ader (Dresden), F-inon Rabe kaj S-ron Gebhardt (Berlin), S-ron Stribrsky (Kladno) pro helpo dum restado en la diritaj urboj.

.˙. S-ro *Wolgar* (Del. Basingstoke) dankas la Del. de Brighton kaj Eastbourne pro afabla renkontiĝo.

.˙. F-ino *Moreau* (Bruselo) dankas la Del. de Bad-Godesberg kaj tieajn samideanojn pro afabla helpo dum restado en tiu bone organizata somerrestejo.

.˙. S-ro *Blackstone* (S-o Boise, Usono) dankas la Del. de Tacoma kaj Seattle pro ilia fervora helpado.

.˙. Ges-roj *Chantaz* (Subdel. Boulogne-s-Seine), S-roj D-ro *Nitz* kaj *D-ro Arndt* (Konigsburg) dankas la Del. de Londono pro valora helpo dum restado.

.˙. S-ro *W. G. Laube* (Rico, Usono) dankas la Del. de San Francisko, Oakland, Tacoma kaj tieajn Esperantianojn pro ilia fervora helpado.

.˙. S-ro *A. Crubrynski* (Krakovo) dankas la Vicdel. de Saint-Etienne pro *servo* plenumita.

.˙. Ĉe la ĉiusemajna kunveno de la centra *Londona* Esperanto-Klubo, la 16-an de Augusto, ĉeestis granda nombro da eksterlandanoj, ĉiu estanta membro de U. E. A. Ili ĉiuj parolis tre favore pri la utiloj de U. E. A. kaj dankis al la Delegitoj pro la helpo ricevita. Inter la vizitantoj estis : S-ro Verband, el Belgujo, tre fervora kaj malnova Esperantisto ; S-ro Beahr, el Germanujo ; S-ro Steininger el München ; S-ro Honek, el Tyrol ; S-ro Maksimov, el Kaŭkazio, Rusujo ; kaj Prof. Woodhouse, el Nova Zelando. La lasta rakontis pri vizito al Berlino, kie li aĉetis fotografilajon specialan, kiu kunhavis longan klarigon pri la funkciado de la instrumento en tre teknika germanlingvo, kiun li tute ne komprenis. Li portis ĝin al la Reĝa Societo de Scienco kie li lasis ĝin kvin semajnojn, sed kiam li reiris por ricevi la tradukon en la anglan lingvon, oni diris al li, ke la germana klarigo estis tute ne komprenebla. Li tiam decidis doni ĝin al U. E. A.-Konsulo, kiu estis ankaŭ inĝeniero, kaj tiu sinjoro post kelkaj tagoj sendis al li sep paĝojn da tradukaĵo en Esperanto. Tio montras la grandan utilon de la lingvo kaj de U. E. A. — H. A. Epstein.

.˙. Dank'al U. E. A. venis en agrikultura kolonio Nieuwe Niedorp (Nederlando) rusa junulo. La venontan jaron venos tien dua rusa junulo kaj eble ankaŭ japana.

.˙. Mi multe dankas la Del. de U. E. A. en Calcutta *S-ron Middlemiss*, kiu donis al mi tre plenajn sciigojn pri sia urbo ; ankaŭ *S-ro Mac Kay* en Calcutta helpis min. Mi devas danki ankaŭ tri anglajn delegitojn, kiuj donis al mi utilajn informojn por mia restado en marbordo : *S-rojn Barton* en Gromer, *Etchells* en Poole kaj *Mare* en Portsmouth. — M. Fréchet, *Poitiers* (Franc.).

.˙. S-ro *J. Iranzo* (Carcagente, Hispan.) kore dankas al la Del., en Moskvo pro respondo al letero pri grava komerca afero.

.˙. S-ro Delegito *V. Jakolev* (Ĥarkov, Rusl.) kore dankas S-ron *B. Radziminsky*, Del, pro lia gastama akcepto en Zaporoje Kamensskoje (Ekat. Gub.), kaj S-ron *Bieljaev*, S-Del., pro liaj klarigoj en la metalurgia fabriko. Li same esprimas sian dankon al S-ro *J. Arakelov*, Del., de U. E. A., ĉe kies bieno « Esperido » en Lozavaja li pasigis plej bonan tempon de somerripozo.

.˙. La anglaj partoprenintoj en la Esperantia Karavano al Krakovo kore dankas S-rojn *Poncet* kaj *Génermont* pro iliaj energiaj klopodoj por agrabligi la vojaĝon.

## Propono pri nova propagandilo

La Va Olimpiado en Stockholm estas nun nur memoraĵo. Por la partoprenintoj ĝi restos kiel neforgesebla okazintaĵo en ilia vivo, kaj por la vizitintoj ĝi donis fortajn agrablajn impresojn kaj estis por multaj fonto de granda ĝojo. La Olimpa Ludado, tiu bela, interpopola festo plej evidente montris la signifon de racia gimnastiko kaj sporto, kiel rimedoj por la konservado de la popola sano kaj vigleco. Por la esperantistoj la Ludado estis precipe interesa. Ĝi montris, pli elokvente ol vortoj, la neceson de nia celado kaj donis la videblan pruvon pri la grandeco de nia entrepreno. Kia babela turo estis en Stockholm! Kiom da lingvoj estis parolataj kaj ne — komprenataj! Jen staris ekzemple ruso, penante komprenigi sin al greko, kaj alilandanoj aŭ svedoj, kiuj volis ilin helpi, devis konstati la vanecon de sia klopodo. Tamen Esperanto multfoje estis la komprenigilo kaj la diverslandanoj certe ŝatis la helpon, kiun ili havis, pro kono de Esperanto. La esperantista komitato dum la Olimpado ankaŭ donis al ĉiu Esperantisto sian helpon. Krom tio la svedaj samideanoj helpis la fremdulojn kaj faris kion ili povis por propagandi. Ili disdonis la svedan, poresperantan folion, en miloj da ekzempleroj, kaj preskaŭ superŝutis la urbon per la aliaj diverslingve skribitaj reklamiloj. Sed tio tamen ne sufiĉas, se ni volas atingi la plej bonan rezultaton. Ni esperantistoj devas nepre havi poresperantan folion, en ĉiuj lingvoj de la mondo por esti senpage disdonata je oportunaj okazoj. Tia propaganda folio unue devas esti skribita Esperante, en bona, simpla stilo, por ke ĝi estu facile tradukebla diverslingven, kaj por ke la enhavo de la teksto estu la sama ĉiulande. Laŭ mia opinio la poresperanta folio devas proksimume enhavi la jenon :

1) Enkonduko. Ĝenerala pritrakto de la kaŭzoj por alpreno de lingvo internacia. Samtempe montrante, ke lingvo internacia estas realigita en — Esperanto.

2) Respondo al la demando : Kio estas Esperanto.

3) Progresoj de esperanto. Faktoj ktp.

4) La kaŭzoj de la grandaj progresoj de Esperanto.

5) Fina parto. Esperanto forigas la lingvajn barojn, malfermas la tutan mondon ktp. Aludante pri esperanto kiel fratigilo kaj pacigilo.

La formato de nia propaganda folio povas ja esti iom pli granda ol tiu de « Tuta Esperanto ». Teksto sur ambaŭ flankoj de la folio.

La celo de tia esperanta alvoko estas duobla. Unue ĝi servos kiel propagandilo al la diversaj grupoj de la lando, kaj due, ĝi estas esperantiga rimedo per alilandaj esperantistoj. Facile estas kompreni, kiel utile ĝi estas por la lokaj esperantistoj, en okazo de internaciaj kongresoj, universalaj ekspozicioj, olimpaj ludoj etc. Tiam ili povus doni al la vizitantoj la poresperantan folion, skribitan en la patrolingvo de la vizitantoj. Estu certigata, ke la efiko estos granda. Mi scias tion de sperto. Ĉar, dum la Olimpaj tagoj en Stockholm, ni disdonis ankaŭ foliojn pri Esperanto angle, france kaj germane redaktitajn. Kiel ĝoje kaj agrable per alilandanoj ricevi legaĵon en sia patrolingvo, estante en fremda lando. Ili tiel fervore kaj atente tralegis la donitan folion, ĝin ŝparis, demandante nin pri la movado esperantista en nia lando ktp. Sed kiam venis ruso, greko aŭ alilandano, kies lingvon ni ne komprenis, ni povis preskaŭ nenion fari, pro manko de ia priesperanta alvoko en iliaj respektivaj lingvoj. En tiu okazo mi tre bedaŭris la mankon, konvinkite kiel mi estas, ke la persona agito estas unu el la plej bonaj. Tial mi volus proponi, ke

U. E. A. prenu la taskon zorgi pri la verkado en Esperanto de la supre priparolita esperanta folio kaj ĝia publikigo.

Poste ĉiu federacio esperantista traduku ĝin nacilingven kaj ĝin presigu. Post pretigo de la alvoko la diversaj grupoj en la lando povas mendi de la federacia organizaĵo kaj pagi por tiom, kiom ili bezonas. La presa kosto por ĉiu cento da ekzempleroj fariĝos nature tre malgranda, pro la amplekso de la eldono, kaj tial ne kaŭzas al la grupetoj iajn signifajn elspezojn. Kiam ia grupo esperantista havas bezonon de alilingve skribitaj foli-alvokoj oni simple alsendas al tiu federacio, kies lingvon oni deziras, apartan nombron da propraj folioj, kaj ricevas tiel multajn, kiel oni alsendis. Tiamaniere, ĉiu grupeto povus tre malkare havi priesperantan folion en ĉiuj lingvoj de la mondo. Kion tio signifas por la propagando de esperanto, ŝajnas al mi tute evidenta afero kaj facile komprenebla por ĉiu esperantisto.

T. Rosengren. *(Stockolm)*.

# Esperantia Vivo

**Honorigo.** — S-ro *René Brisset*, nia Del., en Royan (Franc.) ricevis de la Ministro de Publika Instruado gratulan leteron pro lia lasta Esperanto-kurso. — B.

**Fianĉiĝoj.** — En Vilno, F-ino *Vera Aleksandrovna Polesskaja* kun S-ro *G. Deŝkin*, konsulo U. E. A. — En Frankfurt a/M. F-ino *Rosa Rheinstein* kun S-ro *M. Kahan*, Subdel.

S-ro *Ch. Sostemann*, nia Del. en Berlin, fianĉiĝis kun F-ino *Min Strobelberger*, en Rostock-i-Mecklemburg.

**Edziĝoj.** — En Newcastle S-ro *W. M. Creight Brown*, Vicdel. kun *F-ino Kellar Pitcairn*, el Bukareŝto. — S-ro E. Elysen, Del. en Coimbra.

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj Grubrynsky (Krakovo) naskiĝis filino. — Al Ges-roj Stolk-Esman (Hago) naskiĝis filo. — Al Ges-roj Th. Rousseau (Dijon) naskiĝis filino. — Al Ges-roj Pohusta (Trieste) naskiĝis filo, kiu ricevis la baptonomon « Esperanto ».

**Morto.** — La 25 julio post longa malsano mortis S-ro L. V. Evstratov, staba kapitano kaj Del. de U. E. A. en Astraĥan. Li estis tre fervora samideano kaj fidela servanto de nia ideo. La Esp. grupeto akompanis lian ĉerkon kaj unuanime deziras pacon eternan al tiu sindonema semisto. — I. S.

# Alvokoj

### Bierfabrikejo Lœwenbraŭ

Okaze de la vojaĝo al Krakovo la karavanpartoprenintoj havis okazon viziti la grandan bierfarejon « Lowenbraŭ » en München. La vizito multe interesi la estraron kiu eĉ montriĝis favora eldoni katalogon en Esperanto. Ni nun petas ĉiujn samideanojn, ke ilį petu de la direkcio « Esperantan katalogon ». Se la direkcio ricevos nur 20-30 da tiaj petoj, ĝi presigos la katalogon. Kun antaŭaj dankoj.

La Delegito de U. E. A.,
H. Fressel.

### Enketo pri stenografio

Nia afero ĉiutage kreskas en Germanujo. La registaroj komencas enkonduki nian lingvon en la lernejojn, sed ili nun ankaŭ volas scii, ĉu Esperanto taŭgas por sciencaj aferoj. Do oni komisiis kelkajn reĝajn asesorojn provi la helplingvon. Ankaŭ mi estas unu el tiuj reĝaj asesoroj kaj tial petas Vin, helpu min kaj montru, ke per nia lingvo estas eble ricevi sciigojn el la plej diversaj landoj,

Nia reĝa muzeo bezonas la jenajn informojn :

*1)* Ĉu oni uzas la *stenografion* en Via lando ? Laŭ kiu sistemo ? Ĉu ekzistas stenografiaj grupoj ? Ĉu vi ion scios pri stenografio en via parlamento ? Ĉu oni lernas stenografion en lernejoj ? Ĉu vi povus doni kelkajn informojn pri la historio de stenografio en via lando ?

*2) Grava* afero estas antaŭ ĉio por ni, sciiĝi ion pri la *ordinara* skribo de la *enlandanoj*. Per kiaj iloj ili skribas? Ĉu vi povus sendi al ni tian skribilon aŭ pli bone tutan skribilaron ? Ĉu ili skribas per plumoj, bambuoj, kalamoj aŭ penikoj ? Aŭ per kio ? Ĉu ili uzas inkon aŭ kion ? Ĉu ili skribas sur papero aŭ sur plantaj folioj ?

*3)* Kaj la *skribo* ? Ĉu vi povus sendi specimenon de *enlanda* skribaĵo ? Eble gazeton kaj enlande skribitan leteron ? Ĉu vi povus sendi la alfabeton ? Ĉa vi povus priskribi la enlandan skribmanieron ? La lastaj sciigoj estas tre gravaj por ni kaj specimenoj de skribaĵo kaj skribiloj tre valoraj, ĉar ni povas ĉiam montri ilin dirante, ke nur per Esperanto ni sukcesis ricevi, iajn aĵojn.

Samideano ! respondu baldaŭ kaj montru, ke Esperanto ion taŭgas. Por la respondo ni enmetas respondkuponon. Se vi sendas specimenojn, ni petas, skribu, kiom da mono ni devas sendi kaj vi tuj ricevos la monon. Estas ja ĉiuj specimenoj nur malmultekostaj aferoj.

D-ro Schramm,
reĝa asesoro, Dresden-Standehaus, (Germanujo)

### Lernu la francan lingvon en Poitiers

La grupo esperantista en Poitiers ĵus eldonis universitatan gvidfolion. Tiu gvidfolio donas informojn pri la novaj kursoj libertempaj kie fremduloj povas lerni la francan lingvon. La elparolado en Poitiers estas konata kiel tute korekta. Oni havos tiun universitatan gvidfolion en la Centra Oficejo de U. E. A. en Ĝenevo aŭ ĉe la Delegito de Poitiers kontraŭ respondkupono.

### Grava Peto

*Esperantianoj* sciantaj *turke, tartare, perse, sanskrite, antikvhebree, hispane, itale* aŭ *svede*, estas petataj alsendi tradukon de la titolo de ideema revuo, presota en Bulgarujo : *tutmonda Harmoniiĝo* aŭ pli klarige : « Universala organo de homa interkonsento en ĉiuj formoj de pensoj kaj agoj ».

F-ino A. Ŝarapov,
Vegetara restoracio, 12, Gazetnyj str. Moskvo.

### Ekspozicio de esperantaj afiŝoj

Por pruvi al la komercistoj kaj industriistoj la praktikecon de Esperanto, mi nun organizas ekspozicion de ĉiuspecaj esperantaj afiŝoj. La ekspozicio, kiu estas la unua en tiu speco, estos elmontrata unue en Kolozsvar kaj Budapest, kaj poste ĝi rondirados tra aliaj urboj.

Mi tre petas ĉiujn klubsekretariojn, eldonistojn, presistojn, komercistojn, industriistojn kaj ankaŭ aliajn samideanojn, ke ili bonvolu helpi min en mia gravega entrepreno, sendante al mi ĉiuspecajn esp. *afiŝojn* (ankaŭ cirkulerojn, flugfoliojn k. t. p.) laŭeble po 3 pecoj. Nacilingvajn pri esperantajn afiŝojn mi ankaŭ volonte akceptos. La gazetoj estas petataj represi tiun ĉi anoncon.

Otto Amon,
Sekretario de la « Klubo Esperantista en Kolozsvar ». Poŝta direkcio Kolozsvar (Hungarujo).

### Al la propagandistoj de ĉiuj grupoj !

La subskribintoj intencas fari grandan reklamon kaj propagandon por Esperanto en *Mainz* (Rhein) Germ., kie jam ekzistis grupo, sed bedaŭrinde disiris pro malmultaj kunlaborantoj. Antaŭ ĉio ni bezonas pro tio propagandilojn por montri, ke Esperanto jam estas necesa kaj uzebla por ĉiuj aferoj, ktp., kaj ni petas ĉiujn bonvolemajn gesamideanojn, helpi nin kaj sendi Esp. katalogojn, gazetojn, propagandilojn, reklamilojn, kaj eventuale malgrandajn broŝurojn ktp. Ni intencas aranĝi propagandparoladonĵkaj plue Esp. ekspozicion. Ni esperas de tiu afero multajn bonaĵojn, jam pro tio, ke en Mainz estas interesemuloj kaj niaj kontraŭuloj — ekzistis dum ĉirkaŭ 2 monatoj ida grupeto — disiris. Diversajn gazetojn ni interesis por nia afero kaj pro tio ni treege havas esperon fondi fundamenton. Ni diras al ĉiuj helpontoj nian tre koran antaŭdankon. Bonvole sendi al S-ro R. Kreutz, Oppenheimerstrasse, 15 pt. *Frankfurt* (M) Sud. Germ.

Ni ankaŭ estus tre dankemaj por propagandaj proponoj, pri prop. maniero, ktp.

F. K. Gewert, Del. U. E. A. ; *Mainz* (Rh.), Kappelhofgasse, 3.
Robert Kreutz, sekr. de la Esp. grupo, *Frankfurt* (Main).

∴ Sama peto por la Esp. Societo en Bytonchov (Bohemujo). — R. Tulak, sekr., en *Bytonchov* bei Semily, Bohemujo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Battonya (Hungarujo, Csanadm). — S-ino Bela Tivadar, PI,

Beechworth (Aŭstralio, Victoria). — F-ino Carry Squire, c/o H. E., Cross, Lochstreet.

Bjernemark pr Suendborg (Danujo). — S-ro Karl Linertsen.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Červeny Kostelec (Aŭstrio, Bohemujo). — F-ino Boĵa Keyzlarova str., Svatojakubska, 221, PI. (precipe kun gefrizistoj, interŝ. frizistajn gazetojn).

Danzig (Germanujo). — S-ro Kurt, Geddert, Poggenpfuhl 17-10, PI. L. (kun eksterlandanoj).

Debreczen (Hungarujo). — S-ro Fenyves Izso, Jozsef Kir, Herceg-u 41, PI. bfl. (popolaj tipoj, naciaj kostumoj).

Dortmund (Germanujo). — S-ro H. Tobusch, Rheinische Str., 47, PI. L. (kun ĉiuj landoj).

Gorizio (Aŭstrio, Friuli). — S-ro Seculin Ludoviko, Via Seminario, 2, PI. L. PM. bfl.

Hennebont-Morbihan (Francujo). — S-ro J. Mariette, D. U. E. A. (dez. korespondi pri kooperativaj temoj, precipe kun samideanoj el Dan., Norveg., Sved., Finlando kaj Rusujo).

Kiev (Rusujo). — S-ro P. Kondrakij, inĝeniero, Stolypinskaja, 65 loĝ. 12 L. PI. (kun ĉiuj landoj).

Kjoge (Danujo). — S-ro N. P. Nielsen. ĵurnalisto, 21, Vestergade, L. PK. (kun ĉiuj landoj).

Kladno (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Rudolf Novy, Kladno, 445.

Kral Vinohrady (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Vladimir Basta, studento, Manesova, 68, PI.

Libau (Rusujo, Kurlando). — S-ro Salomono Joflé, PI., kaj S-ro J. Kaplan, poŝta kesto, 16.

Luck (Rusujo, Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Montevideo (Urugvajo). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Montevideo (Urugvajo). — S-ro Guillermo Garino, Strato Maldonado, N-o 15, PI.

Montevideo (Urugvajo). —S-ro Juan Martino, Calle Justicia, 9, PI. L. PM., gazetoj kaj ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ino L. Jakovleff, Tverskaja, Leontievsskijper dom Granat, kv.

Moskvo (Rusujo). — S-ro A. Prager, poŝta kesto (interŝanĝi fotografaĵojn propre faritajn).

Poltava (Rusujo). — S-ro Panŝina, Kieva stacidomo.

Porto (Portugalujo). — S-ro Joaquim Moreira da Silva, Rua do Triumfo, 222, PI., kolorgitaj, bfl.

Troldhede (Danujo). — S-ro Alfr. Jarlsholm, PK. PM.

Valencia (Hispanujo). — S-ro S. Ricardo Albiol, str. Moratin, 5, PI. (kun ĉiuj landoj).

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Frederiko Kober, L. PK.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ALTESTIMATAJ FAVORANTOJ DE MUZIKO. — Mi plezure akceptus okupon en iu urbo en Rusujo, kie samtempe povus prosperi muziklernejo. Kie orkestro ankoraŭ ne ekzistas, mi volonte ĝin fondus. Karaj samideanoj, koran dankon por sciigoj, al kiu mi povus min turni en ĉi tiu afero. Frant. Vokas, kuracloka kapelestro en Roznov, Moravio, Aŭstruio.

AMIKEJO BLARICUM (Govi) estas *meblite luebla* de Septembro prok, ĉarma kampodomo en artista regiono apud pinarbaroj kaj erikejoj. Tram haltejo komunikanta kun la ĉefurbo. Kvin ĉambroj (inkluzive artpentrejo) prezo modera. Skribu al Del-ino M. Tervey van Rees, Blaricum, Nederlando.

25-JARA FRAŬLO, ruso, deziras edziĝi je alilanda Esperantistino. Rusujo, Slob. Nikolaevskaja, Astraĥansk, gub., Carevsk, u. E. M. Tiĥonov.

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

FAMAJ HOLANDAJ CIGAROJ. — Ign. de Laure, Cigarfabrikanto, Boksmeer (Nederlando) serĉas en ĉiuj landoj cigarvendistojn, Petu specimenojn kaj prezojn.

FRAMASONOJ ĉiulandaj kaj ĉiuritaj, kiuj deziras aliĝi al la jam ekzistanta « Esperanto Framasona » estas petataj sendi siajn adresojn al : C Barthel, Vic-Del., de U. E. A., Woehlerstrasse, 14. Frankfurt (Main), Germanujo.

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO (I. P. R.), oficiala organo de Internacia Asocio de Instruistoj (I. A. I.). Membra kotizaĵo por unu jaro kun la monata revuo : 1 Sm. (fr. 2.50). Administracio : Boomsch steenweg, 444, Antverpeno, Belgujo.

JUNA GERMANO, esperantisto. deziras restadi kelkajn monatojn en franclingva lando pro la lingvo. Kiel eble plej malmultekoste Oni skribu sub « Germano » al la redakcio de « Esperanto ».

KORESPONDADO. — S-ro S. Grœnier, Inspektoro de la Nederlanda-India Vivasekura kaj Vivrenta societo, Hago (Nederlando), van Kinsbergenstraat, 51, deziras korespondadi kun ĉiulandaj geesperantistoj, per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj. Se estos eble, li volonte ricevus portreton por konatiĝi.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

LA NOVA GRUPO « VERDA STELO » korespondas kun fremdlando kaj donas ĉiam plezure deziritajn informojn. Sin turni al la sekretario : S-ro H. Nubla, 34, str. de Lyon, Grand-Croix (Loire). Francujo.

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : Inf. Kapt. B. J. Klingenberg, Kristiania (Norvegujo) Sm. 0.15 (du respondkuponoj) afrankite. Aldono : intermita sciigo N-o 2 : ankaŭ du respondkuponoj. Librovendistoj ensendu mendojn.

PETAS KATALOGOJN pri pentrinkoj kaj informojn pri pentristaj revuoj. Adreso : Atelier Lafe. S. Pedro, 197, Rio de Janeiro-Brazilujo.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).

## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# FABIOLA

RAKONTO PRI LA KATAKOMBOJ, DE KARDINALO WISEMAN, TRAD. E. RAMO

Dika volumo in-8, 427 paĝoj. Prezo : Sm. **1,40** (fr. **3.50**) (afranke) Sm. **1,76** (fr. **4,40**).

## EN SVISLANDO

El verkoj de svisaj aŭtoroj
Luksa volumo ilustrita, 104 paĝoj
Prezo : Sm. **1,4** (afranke)

## Ĉe en doloro ni estu ĝojaj

de Adèle KAMM
Luksa broŝuro, 40 paĝoj. Prezo : Sm. **0,48** (afranke)

## Kredo kaj Scio

Parolado de D-ro P. GRUNER
profesoro de teoria fiziko ĉe la Berna Universitato
Broŝuro, 24 paĝoj. Prezo : Sm., **0,30** (afranke)

## Dankon

de Th. COMBE
Broŝuro, 16 paĝoj. Prezo : **0, 16** (afranke)

## Perfekta Kuiristino

Unuakta komedio de B. HENTSCH
Broŝuro, 24 paĝoj. Prezo : Sm. **0,20** (afranke)

### NOVAJ LIBROJ :

**Kulturceladoj de la nuntempo.** — De S-ro D-ro Aug., Forel, trad., D-ro Fr., Uhlmann. Tiu ĉi nova verko de la fame konata sciencisto traktas la plej gravajn nuntempajn sociajn problemojn en konciza, interesplena kaj populara maniero. — Prezo : Sm. 0,50 (afranke).

**Paŭlo Debenham.** — Romano originale verkita en Esperanto de H. A. Luyken. Tiu originala verko, rimarkinda tiel pri la stilo kiel pri la enhavo, estis rigardata de la Esperanta gazetaro, kiel unu el niaj plej bonaj originalaj literaturaĵoj. Prezo : Sm., 1,12 (afranke).

**Albrecht Dürer.** — Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Luksa volumo da 93 paĝoj kun 57 belegaj reproduktaĵoj de la majstro. Verkoj de l'fama pentristo (trad. de la Germana Esperanto-Asocio. — Prezo : Sm. 2. — Lukse bindita : Sm. 2.50.

**La Ponto.** — La organizado de la Intelekta Laboro per « La Ponto ». De K.-W. Bührer kaj Ed. Saager. Trad. de J. Schmid. L, K. 157 paĝoj. — Prezo (kartonite) : Sm. 2.

**Esperantista Kantaro.** — Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Necesega al ĉiuj grupoj. — Prezo : Sm. 0.40.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, Mono. — Prezo : Sm. 0.20.

**Historieto de Esperanto.** — Premiita ĉe la literatura konkurso de la Sepa Kongreso. Verkis D-ro A. Fiŝer. Prezo : Sm. 0,24 (afranke).

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizaĵoj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze. — Prezo : Sm. 0.50.

**Kion la Vivo alportis.** — Dek originalaj poemoj de D-ro Schulhof, Antaŭparolo de M. Hankel. — Prezo : Sm. 8.20.

### OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Propagandiloj*

**Esperantismo.** — La internaciaj rilatoj. Esperantismo kaj Esperanto. La servoj de U. E. A. Elementoj de Esperanto.

Propaganda broŝuro de H. Hodler. Havebla en la lingvoj *angla, franca, germana* aŭ *rusa*.

Prezo (afranke) : Sm. 0.10. Por mendoj de pli ol 10 ekz. rabato da 33 %.

**La Internaciaj rilatoj.** — Propaganda okpaĝa folio pri la servoj de U.E.A. Havebla en la lingvoj *angla, franca* aŭ *germana*.

Prezo (afranke) : *10 ekz.*, Sm. 0.10. *100 ekz.* Sm. 0.80.

Ambaŭ supraj verkoj estas rekomendataj al ĉiuj propagandistoj.

*Oficiala insigno*

Verda stelo kun blank-ora rando, literoj U. E. A.
Pinglo aŭ broĉo . . Sm. 0.36 Butono . . . . . Sm. 0.48
Oni aldonu Sm. 0.10 por rekomendo.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 % por la afranko*

*Oficiala skribmaterialo*

*Leterpapero*, 100 ekz. $ 0.75
*Kovertoj*, 100 ekz. $ 0.60
*Poŝtkartoj*, 100 ekz. $ 0.75
*Poŝtkartoj arte ilustritaj* 10 ekz. $ 0.40 (Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. $ 0.60

**Universala Esperantia Librejo**
*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

## LINGVO INTERNACIA

*Centra organo de la Esperantistoj*

La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj. Fondita en 1895
15-20

**Abono : 5 fr. (2 $)**

## JUNA ESPERANTISTO

*Monata beletristika Gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj*

Ordinara enhavo : Rakontoj kaj Noveloj, Fabeloj, Poemoj, Lingvaj ekzercoj, Amuzoj, Problemoj

**Jarabono : 2.50 fr. (1 $)**

*SPECIMENO SENPAGE RICEVEBLA*

**Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, 33, PARIS**

*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

